*Majo 1906.* II jaro. № 5.

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.



Senpaga eldono por membroj de Peterburga S-to „Espero“



Manuskriptoj, korespondado k. t. p. devas esti adresataj je nomo de „Societo Espero“ en S.-Peterburgo.



Eldonanto: S-TO „ESPERO“ en Peterburgo. Redaktoro D-ro A. I. ASNES.



Unua esperanta presejo en Ruslando de D. P. WEJSBRUT.
Peterburgo: Troicki; Prospekt, 14.

# AVIZO.

Dum la somero S-ro A. Eggert — Egede anstataŭigos D-ron A. Asnes. **Ĉiuj membroj kaj korespondantoj estas insiste petataj ĉiam adresi ne je iu ajn nomo, sed nur je Societo „Espero“ aŭ je la redakcio de „Ruslando Esperantisto“. (Peterburgo. Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24).**

---

# Korespondа fako.

La celo de korespondа fako estas la unuiĝo de tutmonda esperantistaro per reciproka korespondado. Tial ni koregе petas ĉiujn, kiel ruslandajn, tiel eksterlandajn esperantistojn, dezirantajn korespondadi pri kia ajn objekto kaj por kia ajn celo sendadi al ni sian adresojn, legeble skribitajn.

Por enpreso d'adreso en la korespondan fakon oni sendu al ni la poŝtmarkon de 20 kop. valoro. La alilandaj poŝtmarkoj estas ankaŭ akceptataj por ilia nominala valoro.

La Redakcio.

## Novaj adresoj:

RUSLANDO: Bobrov, Voronejskoj gub. S-ro V. V. Maksimov.
St.-Peterburgo, Gagarinskaja 20. loĝ. 3. S-ro N. Parfenov.

FRANCUJO: Saumur, 20 rue St. Jean. S-ro Richard, ĉevalkuracisto deziras korespondadi kun alilandaj samprofesianoj.
Seine, ĉe Felix Potin, S-ro Paul Leméasle deziras interŝanĝi ilustr. kartojn kun ĉeesperantistoj. Ĉiam kaj tuj respondos.

## SANĜITAJ ADRESOJ:

E. V. Radvan-Ripinski.—St.-Peterburgo, Prjadilnaja 16, loĝ. 20.
Vladimir de Maynov.—St.-Peterburgo, Tarakanovskij per. d. 7, kv. 11.
Aleksandro Eggert-Egede.—St.-Peterburgo, Voznessenskij prosp. № 37, loĝ. 68

---

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero".

| Majo 1906. | Redakcio: St.-Peterburgo, Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24. | II-a jaro. № 5. |
|---|---|---|


## RUĜA RIDO.

*de Leonid Andrejev.*

(Daurigo).

Kaj mi ploregis, ploregis, rememoriĝante pri la karaj piedoj miaj, miaj rapidaj, fortaj piedoj. Kiu forprenis ilin de mi, kiu kuraĝis ilin forpreni!

— Aŭskultu,—diris la doktoro, rigardante flanken.—Hieraŭ mi vidis: al ni venis freneza soldato. Malamika soldato. Li estis senvestita preskaŭ ĝis-nude, tuta--batita, gratita kaj malsata, kiel besto; li tuta estis kovrita de haroj, kiel estas kovritaj ankaŭ ni ĉiuj, kaj estis simila al sovaĝulo, al primitiva homo, al simio. Li svingadis per la manoj, grimacadis, kantadis kaj kriadis, kaj altrudadis por batiĝi. Lin oni nutris kaj elpelis reen—en kampon. Kien do ilin meti? Tagojn kaj noktojn kiel ĉifonaj, minacaj fantomoj vagadas ili sur montetoj, reen kaj antaŭen kaj en ĉiuj direktoj, sen vojo, sen celo, sen rifuĝo. Svingas per manoj, ridegas, krias kaj kontas, kaj kiam sin renkontas, ili komencas batiĝadon, kaj, povas esti, ne vidas unu alian kaj pasas preter. Per kio ili sin nutradas? Kredeble, per nenio, sed, povas esti, per malvivaj korpoj, kune kun bestoj, kune kun tiuj ĉi dikaj, sataj sovaĝiĝintaj hundoj, kiuj tutajn noktojn batiĝadas sur montetoj kaj kriegas. En noktoj, kiel birdoj, vekitaj de ventego, kiel malbelaj papilioj, ili kunvenas al fajro, kaj sufiĉas bruligi lignaron de malvarmo, por ke post duonhoro apud ĝi elkresku deko da kriemaj, ĉifonaj, sovaĝaj siluetoj, similaj al frostiĝintaj simioj. En ilin oni pafas iafoje pro eraro, iafoje intence, senigitaj de pacieco pro ilia sensenca, timiganta kriado...

— Mi volas hejmen!—kriadis mi, ŝtopante la orelojn. Kaj kvazaŭ tra vato, surde kaj fantome ĉizadis mian elturmentitan cerbon novaj teruraj vortoj:

— ...Ili estas multaj. Ili mortas en centoj en profundaĵoj, en lupaj kavoj, preparitaj por sanaj kaj saĝaj, sur restaĵoj de pika metala fadeno kaj stangoj; ili sin enmiksas en regulajn, prudentajn batalojn kaj batiĝadas, kiel herooj—ĉiam antaŭe, ĉiam sentimemaj; sed ofte batadas siajn. Ili al mi plaĉas. Nun mi nur ankoraŭ freneziĝas kaj tial sidas kaj parolas kun vi, sed kiam la prudento fine forlasos min, mi eliros en kampon—mi eliros en kampon, mi ekkrios la vokon—mi ekkrios la vokon, mi kolektos ĉirkaŭ mi tiujn ĉi kuraĝulojn, tiujn ĉi kavalirojn sen timo, kaj proklamos militon al la tuta mondo. En gaja amaso, kun muziko kaj kantoj, ni eniros en urbojn kaj vilaĝojn, kaj kie ni trapasos, tie ĉio estos ruĝa, tie ĉio sin ronde turnados kaj dancados, kiel fajro. Tiuj, kiuj ne mortis aliĝos al ni, kaj nia kuraĝa armeo kreskados, kiel lavango, kaj purigos tutan tiun ĉi mondon. Kiu diris, ke oni ne devas mortigadi, bruligadi kaj rabadi?..

Li jam kriis, tiu ĉi freneza doktoro, kaj per sia krio kvazaŭ vekis dormiĝintan doloron de tiuj, kiuj estis kun ŝiritaj brustoj kaj ventroj kaj kun elŝiritaj okuloj kaj forhakitaj piedoj. De l'vasta, skrapanta, ploranta ĝemado pleniĝis la ĉambro, kaj de ĉie al ni sin turnis palaj, flavaj, konsumitaj vizaĝoj, kelkaj sen okuloj, kelkaj en tia monstra kripleco, kvazaŭ el infero revenis ili. Kaj ili ĝemadis kaj aŭskultadis, kaj en la malfermitan pordon singardeme enrigardadis nigra senforma ombro,

sin levinta super la mondo, kaj la freneza maljunulo kriadis, etendante la manojn:

— Kiu diris, ke oni ne devas mortigadi, bruligadi kaj rabadi? Ni mortigados, kaj rabados, kaj bruligados. Gaja, senzorga amaso ĉe kuraĝuloj, ni detruos ĉion: iliajn konstruaĵojn, iliajn universitatojn kaj muzeojn; gajaj buboj, plenaj de fajra rido — ni dancados sur ruinoj. Nia patrujo mi proklamos domon de frenezuloj; niaj malamikoj kaj frenezuloj - ĉiujn tiujn, kiuj ankoraŭ ne freneziĝis; kaj kiam granda, nevenkiĝebla, ĝojanta, mi ekreĝos super la mondo, kiel sola lia potenculo kaj sinjoro,—kia gaja rido plenigos la universon!

— Ruĝa rido!—ekkriis mi, interrompante. — Savu! Ree mi aŭdas la ruĝan ridon!

— Amikoj! — daŭrigis la doktoro, sin turnante al ĝemantaj kripligitaj fantomoj. — Amikoj! Ĉe ni estos ruĝa luno kaj ruĝa suno, kaj ĉe bestoj estos ruĝa gaja lano, kaj ni forŝiros haŭton de tiuj,—kiuj estas tro blankaj, kiuj estas tro blankaj... Ĉu vi ne provis trinki sangon? Ĝi estas iom glua, ĝi estas iom varma, sed ĝi estas ruĝa, kaj ĝi havas tian gajan ruĝan ridon!..

## Fragmento sepa.

... tio estis malpie, tio estis maljuste. La ruĝa kruco estas estimata de l'tuta mondo, kiel sanktaĵo, kaj ili vidis, ke tio ĉi iras la vagonaro ne kun soldatoj, sed kun sendanĝeraj vunditoj, kaj ili devis antaŭsciigi pri la enmetita mino. Malfeliĉaj homoj, ili jam revis pri hejmo..

## Fragmento oka.

... ĉirkaŭ samovaro, ĉirkaŭ vera samovaro, el kiu la vaporo blovis, kiel el lokomotivo — eĉ la vitro en lampo iom nebuliĝis, tiel forte iris la vaporo. Kaj la tasetoj estis tiuj samaj, bluaj de ekstere kaj blankaj interne, tre belaj tasetoj, kiujn oni donacis al ni ankoraŭ dum nia edziĝo. La fratino de l'edzino donacis—ŝi estas tre ĉarma kaj bona virino.

— Ĉu vere ĉiuj estas tutaj? — senkonfide demandis mi, miksante sukeron en la glaso per arĝenta pura kulereto.

— Unu oni disbatis, — diris la edzino distrite: ŝi en tiu ĉi tempo tenis deturnitan la kranon, kaj de tie bele kaj facile kuris varmega akvo.

Mi ekridis.

— Kio? — demandis la frato.

— Tiel. Nu, veturigu nun min ankoraŭ unufoje en la kabineton. Laboru por la heroo! Vi nenion faradis sen mi, nun — basta*), mi vin subtiros — kaj mi por ŝerco, kompreneble, ekkantis: Ni kontraŭ malamikoj kuraĝe por batal' rapidas..

Ili komprenis la ŝercon kaj ankaŭ ekridetis, sole la edzino ne levis la vizaĝon: ŝi viŝadis la tasetojn per pura brodita viŝtuko. En la kabineto mi ree ekvidis: la bluetan tapeton, la lampon kun verda kloŝo kaj la tableton, sur kiu staris la karafo kun akvo. Kaj ĝi estis iom kovrita de polvo.

— Verŝu al mi da akveto el tie ĉi, — gaje ordonis mi:

— Vi do jus trinkis teon.

— Nenio, nenio, verŝu. Vi do, - diris mi al la edzino, — prenu la fileton kaj sidu iom en tia ĉambro. Mi petas.

Kaj per malgrandaj glutoj, ĝuante, mi trinkis la akvon, kaj en la apuda ĉambro sidis la edzino kaj filo, kaj mi ilin ne vidis.

— Tiel, bone. Nun iru tien ĉi. Sed kial li tiel malfrue ne kuŝiĝas por dormi?

— Li estas ĝoja, ke vi revenis. Kara, iru al la patro.

Sed la infano ekploris kaj sin kaŝis ĉe l'patrino en la piedoj.

— Kial li ploras? — senkomprene demandis mi kaj ekrigardis ĉirkaŭ:—kial vi ĉiuj estas tiel palaj, kaj silentas, kaj iradas post mi, kiel fantomoj?

La frato laŭte ekridis kajd riis:

— Ni ne silentas.

Kaj la fratino ripetis:

— Ni tutan tempon interparoladas.

— Mi klopodos pri vespermanĝo,—diris la patrino kaj rapideme eliris.

— Jes, vi silentas,—kun neatendita konvinkiteco ripetis mi.—De mem mateno mi ne aŭdas de vi eĉ vorton, mi nur sola babilas, ridas, ĝojas. Ĉu vi ne estas ĝojaj al mi? Kaj kial vi ĉiuj evitadas rigardadi min, ĉu mi tiom ŝanĝiĝis? Jes, tiom ŝanĝiĝis, Mi eĉ spegulojn ne vidas. Ĉu vi ilin forigis? Donu tien ĉi spegulon.

— Tuj mi alportos, — respondis la edzino kaj longe estis ne revenanta, kaj speguleton alportis ĉambristino. Mi ekrigardis en ĝin, kaj — mi jam vidis min en vagono, en staci-

*) Rusa popola esprimo— signifas: sufiĉe.

Rim. de l'redak.

domo—tio ĉi estis tiu sama vizaĝo, iom maljuniĝinta, sed plej ordinara. Sed ili, ŝajnas, atendis ial, ke mi ekkrios kaj svenos,—tiel ekĝojis ili, kiam mi trankvile demandis:

— Kio do estas tie ĉi neordinara?

Pli kaj pli laŭte ridante, la fratino rapideme eliris, kaj la frato diris konvinkite kaj trankvile:

— Jes Vi malmulte ŝanĝiĝis. Senhariĝis iom.

— Danku eĉ pro tio, ke la kapo restis,—indiferente respondis mi.—Sed kien ili ĉiuj forkuras: jen unu, jen alia. Veturigu min ankoraŭ en ĉambroj. Kia oportuna apogseĝo, tute senbrua. Kiom vi pagis? Mi do ne estos avara; mi aĉetos por mi tiajn piedojn, pli bonajn... La bicikleto!

Ĝi pendis sur la muro, tute ankoraŭ nova, nur kun malleviĝintaj sen aero ŝinoj. Sur la ŝino de l'malantaŭa rado alsekiĝis peceto da koto—de lasta fojo, kiam mi veturis. La frato silentis kaj ne movis la apogseĝon, kaj mi komprenis tiun ĉi silenton kaj tiun ĉi nedecidemecon.

— En nia regimento nur kvar oficiroj restis vivaj,—malafable diris mi.—Mi estas tre feliĉa... Ĝin do prenu por vi, morgaŭ prenu.

— Bone, mi prenos,—humile konsentis la frato.—Jes, vi estas feliĉa. Ĉe ni duonurbo estas en funebro. Piedoj do—tio ĉi, certe...

— Kompreneble. Mi ne estas leterportisto.

La frato subite haltis kaj demandis:

— Sed kial skuiĝas via kapo?

— Bagatelo. Tio ĉi foriĝos, doktoro diris.

— Kaj la manoj aŭkaŭ?

— Jes, jes. Kaj la manoj. Ĉio foriĝos. Veturigu, mi petas, min tedis stari.

Ili malagordis min, tiuj ĉi malkontentaj homoj, sed la ĝojo ree revenis al mi, kiam por mi oni komencis prepari litajon; veran litajon, sur bela lito, sur la lito, kiun mi aĉetis antaŭ la edziĝo, antaŭ kvar jaroj. Oni sternis puran littukon, poste skuis kusenojn, deturnis litkovrilon,—kaj mi rigardadis tiun ĉi solenan ceremonion, kaj en miaj okuloj staris larmoj pro rido.

— Nun do senvestigu min kaj kuŝigu,—diris mi al la edzino.—Kiel bone!

— Tuj, mia kara.

— Pli rapide!

— Tuj, mia kara.

— Kio do vi?

— Tuj, mia kara.

Ŝi staris post mia dorso, apud la tualeto, kaj mi vane turnadis la kapon por ekvidi ŝin. Kaj subite ŝi ekkriis, tiel ekkriis, kiel oni krias nur sur milito:

— Kio do ĉi estas!

Kaj ĵetiĝis al mi, ĉirkauprenis, falis apud mi, kaŝante ŝian kapon apud la detranĉitaj piedoj, kun teruro sin forturnante de ili kaj ree alfalante, kisante tiujn ĉi detranĉajojn kaj plorante:

— Kia vi estis! Ja vi estas nur tridekjara. Juna, bela vi estis. Kio do ĉi estas! Kiel kruelaj estas homoj. Por kio ĉi estas? Por kiu estis necesa? Vi, mia kvieta, mia kompatinda, mia kara, kara..

Kaj jen ĉi al la kriado alkuris ĉiuj ili, kaj la patrino, kaj la fratino, kaj la infanistino, kaj ĉiuj ili ploris, parolis ion, sin trenadis apud miaj piedoj, kaj tiel ploradis. Kaj sur la sojlo staris la frato, pala, tute blanka, kun skuiĝanta makzelo kaj akre kriadis:

— Mi tie ĉi kun vi freneziĝos. Freneziĝos!

Kaj la patrino rampadis apud la apogseĝo kaj jam ne kriis, sed raŭkadis nur kaj batadis sian kapon je l'radoj. Kaj, pureta, kun la skuitaj kusenoj, kun la deturnita litkovrilo, staris la lito, tiu sama, kiun mi aĉetis antaŭ kvar jaroj—antaŭ la edziĝo...

## Fragmento naŭa.

.. Mi sidis en la kuvo kun varmega akvo, kaj la frato maltrankvile sin turnadis en la malgranda ĉambro, alsidiĝante, ree sin levante, kaptante en la manojn sapon, littukon, proksime alportante ilin al la miopaj okuloj kaj metante reen. Poste stariĝis, turninte sian vizaĝon al muro, kaj, fosante per fingro stukajon, varmege daŭrigis:

— Prijuĝu mem: ja neeble do estas senpune dekojn kaj centojn da jaroj instruadi pri kompato, prudento, logiko,—donadi konscion. Plej ĉefe—konscion. Oni povas fariĝi senkompatema, perdi sentemecon, alkutimiĝi al elvido de sango kaj larmoj kaj suferoj kiel jen viandistoj aŭ kelkaj doktoroj aŭ militistoj: sed kiel estas eble, ekkoninte veron, rifuziĝi de ĝi? Laŭ mia opinio, tio ĉi estas neebla. De l'infaneco oni min instruadis ne turmentadi bestojn, esti kompatema; pri tio sama instruadis min ĉiuj libroj, kiajn mi tralegis kaj mi ĝis doloro kompatas tiujn, kiuj suferas

en via malbenita milito. Sed jen trapasas tempo, kaj mi komencas alkutimiĝadi al ĉiuj ĉi mortoj, suferoj, sango; mi sentas, ke ankaŭ en la ordinara vivo mi fariĝas malpli akrosenta, malpli resonema kaj respondas nur al plej fortaj ekscitiĝoj, — sed al la mem fakto de l'milito mi ne povas alkutimiĝi, mia prudento rifuziĝas kompreni kaj klarigi ĝin, kio en sia fundamento estas freneza. Miliono da homoj, kunveninte en unu lokon kaj penante aldoni regulecon al siaj agoj, mortigadas unu la alian, kaj al ĉiuj estas egale dolore, kaj ĉiuj estas egale malfeliĉaj — kio do estas tio ĉi, ja ĝi estas la frenezo?

La frato sin returnis kaj demande haltigis sur min siajn miopajn, iom naivajn okulojn.

— Ruĝa rido, — gaje diris mi, plaŭdante

— Kaj mi diros al vi veron, — la frato konfideme kuŝigis la malvarman manon sur mian ŝultron, kvazaŭ ektimis, ke ĝi estas nuda kaj malseka, kaj rapide detiris ĝin, — mi diros al vi veron: mi tre timas freneziĝi. Mi ne povas kompreni, kio tio ĉi fariĝas. Mi ne povas kompreni, kaj tio ĉi estas terura. Se iu ajn povus klarigi al mi, sed neniu povas. Vi estis en la milito, vi vidis — klarigu al mi.

— Iru al diablo! — ŝerceme respondis mi, plaŭdante.

— Jen ankaŭ vi, — malgaje diris la frato: — neniu povas al mi helpi. Tio ĉi estas terura. Kaj mi ĉesas kompreni, kio estas permesinda, kio — malpermesinda, kio estas prudenta, kaj kio — freneza. Se tuj mi prenos vian gorĝon, komence facile, kvazaŭ karesante, sed poste pli forte, kaj sufokos — kio tio ĉi estos?

— Vi diras sensencaĵon. Neniu tion ĉi faras.

La frato ekfrotis la malvarmajn manojn, mallaŭte ekridetis kaj daŭrigis.

— Kiam vi estis ankoraŭ tie, estadis noktoj, dum kiuj mi ne dormis, ne povis ekdormi, kaj tiam al mi venadis strangaj pensoj: preni hakilon kaj iri mortigi ĉiujn: la patrinon, fratinon, servantinon, nian hundon. Kompreneble, tio ĉi estis nur pensoj, kaj mi neniam faros.

— Mi esperas, — ekridetis mi, plaŭdante.

— Jen ankaŭ mi timas tranĉilojn, ĉion akran, brilantan: al mi ŝajnas, ke se mi prenos en la manojn tranĉilon, mi nepre iun tranĉos. Ja efektive kial ne tranĉi, se tranĉilo estas akra?

— La fundamento estas sufiĉa. Kia vi, frato, estas strangulo! Lasu do ankoraŭ da varmega akveto.

La frato deturnis la kranon, enlasis akvon kaj daŭrigis:

— Jen ankaŭ mi timas amason, homojn, kiam ili kolektiĝos multaj. Kiam vespere mi ekaŭdas sur strato bruon, laŭtan krion, mi ektremas kaj pensas, ke tio ĉi jam komenciĝis... tranĉbatalo. Kiam kelkaj homoj staras unu kontraŭ la alia kaj mi ne aŭdas, pri kio ili interparolas, al mi komencas ŝajni, ke tuj ili ekkrios, ekjetos sin unu sur alian, kaj komenciĝos mortigado. Kaj vi scias, — mistere kliniĝis li al mia orelo, — gazetoj estas plenaj de komunikaĵoj pri mortigoj, pri iaj strangaj mortigoj. Tio ĉi estas bagateloj, ke multaj estas homoj kaj multaj estas prudentoj — la homaro havas unu prudenton kaj ĝi komencas malklariĝadi. Ekprovu mian kapon, kia ĝi estas varmega. En ĝi estas fajro. Sed iafoje fariĝas ĝi malvarmega, kaj ĉio en ĝi glaciiĝas rigidiĝas, fariĝas terura mortiĝinta glacio Mi devas freneziĝi, ne ridu, frato; mi devas freneziĝi. — Jam estas kvaronhoro — al vi estas tempo eliri el la kuvo.

— Iom ankoraŭ. Unu minuton.

Al mi tiel bone estis sidi en la kuvo, kiel antaŭe, kaj aŭskulti la konatan voĉon, ne enpensiĝante en vortojn, kaj vidi ĉion konatan, simplan, ordinaran: la kupran, iom verdiĝintan kranon, la murojn kun la konata desegno, atributojn de fotografio, en ordo dismetitajn sur bretoj. Mi ree min okupados je l'fotografio, fotografadis simplajn kaj pacajn vidaĵojn kaj la filon: kiel li iradas, kiel li ridas kaj petolas. Je tio ĉi oni povas sin okupadi sen piedoj. Kaj ree mi skribados — pri saĝaj libroj, pri novaj sukcesoj de l' homa penso, pri belo kaj paco.

— Ho-ho-ho! — ektondris mi, plaŭdante.

— Kio estas kun vi? — ektimis la frato kaj paliĝis.

— Tiel. Estas gaje, ke mi estas hejme.

Li ekridetis al mi, kiel al infano, kiel al pli juna, kvankam mi estis je tri jaroj pli maljuna ol li, kaj ekpensis, — kiel grandaĝa, kiel maljunulo, havanta grandajn, malfacilajn kaj maljunajn pensojn.

— Kien foriri? — diris li, premetante la ŝultrojn. — Ĉiun tagon, proksimume en unu sama horo, gazetoj fermas la fluon, kaj la tuta homaro ektremas. Tiu ĉi samtempeco de

sentoj, larmoj, pensoj, suferoj kaj teruro senigas min de apogo kaj mi estas — kiel ligneto sur ondo, kiel polvereto en ventego. Min kun forto ĝi forŝiras de l'kutimaĵo, kaj ĉiun matenon estadas unu terura momento, kiam mi pendas en aero super nigra senfundaĵo de frenezeco. Kaj mi falos en ĝin, mi devas en ĝin fali. Vi ankoraŭ ne ĉion scias, frato. Vi ne legas gazetojn, multon de vi oni kaŝas — vi ankoraŭ ne ĉion scias, frato.

Kaj tion, kion li diris, mi opiniis iom malluma ŝerco, — tio ĉi estis sorto de ĉiuj tiuj, kiuj en frenezeco sia fariĝis proksima al frenezeco de milito kaj avertadis nin. Mi opiniis tion ĉi la ŝerco—kvazaŭ forgesis mi en tiu ĉi momento, plaŭdante min en varmega akvo, ĉion tion, kion vidis mi tie.

— Nu, kaj oni daŭrigu kaŝi, — al mi do estas necese eliri el la kuvo, — malserioze diris mi, kaj la frato ekridetis kaj vokis la servanton, kaj duope ili elprenis min kaj vestis. Poste mi trinkis bonodoran teon el mia cikatrforma glaso kaj pensis, ke vivi estas eble ankaŭ sen piedoj, kaj poste min oni forveturigis en la kabineton al mia tablo, kaj mi pretiĝis labori.

Ĝis la milito mi min okupadis en la jurnalo per revuado de alilandaj literaturoj, kaj nun apud mi, en interspaco de mano, kuŝis la amaso de tiuj ĉi ĉarmaj, belaj libroj en flavaj, bluaj, cinamkoloraj kovriloj. Mia ĝojo estis tiel granda, plezurego — tiel profunda, ke mi ne decidiĝadis komenci legadon kaj nur prenadis alterne la librojn, delikate karesante ilin per la mano. Mi sentis, ke sur vizaĝo mia disfluiĝas rideto, kredeble, tre malsaĝa rideto, sed mi ne povis deteni ĝin, kun plezuro rigardante literojn, „vinjetojn", severan kaj belan simplecon de desegnaĵo. Kiel multe en ĉio ĉi estas da saĝo kaj sento de beleco! Kiom da homoj devis labori, serĉi, kiom multe oni devis enmeti da talento kaj gusto por krei eĉ nur jen tiun ĉi literon, tian simplan kaj belan, tian saĝan, tian harmonian kaj elokventan en siaj interbindiĝantaj streketoj.

— Sed nun decas laboradi, — serioze, kun estimo al laboro, diris mi.

Kaj mi prenis plumon por fari titolon — kaj, kvazaŭ rano, alligita per fadeno, ekplaŭdis sur papero mia mano. La plumo puŝiĝadis en la paperon, krakadis kaj elfiguradis malbelajn liniojn, deŝiritajn, kurbajn, senigitajn de senco. Kaj mi ne ekkriis, kaj mi ne ekmoviĝis — mi ekmalvarmiĝis kaj rigidiĝis en la konscio de l'alproksimiĝanta terura vero; — sed la mano saltadis sur la hele lumigita papero, kaj ĉiu fingro en ĝi sin skuadis en tia senespera viva, freneza teruro, kvazaŭ ili, tiuj ĉi fingroj, estis ankoraŭ tie, en la milito, kaj vidis ĉielfajron kaj sangon, kaj aŭdis ĝemojn kaj ploregojn de neeldirebla doloro. Ili apartiĝis de mi, ili reviviĝis, ili fariĝis oreloj kaj okuloj, tiuj ĉi freneze tremantaj fingroj; kaj malvarmiĝante, ne havante forton por ekkrii kaj ekmoviĝi, mi observadis ilian sovaĝan dancadon sur la pura, hele blanka folio.

Kaj mallaŭte estis. Ili pensis, ke mi laboras, kaj fermis ĉiujn pordojn por ne malhelpi per sono,—sola, senigita de ebleco min movadi, sidis mi en la ĉambro kaj obee rigardadis, kiel tremas la manoj.

— Tio ĉi estas nenio, — laŭte diris mi, kaj en la mallaŭteco kaj soleco de l'kabineto la voĉo eksonis raŭke kaj malbone kiel voĉo de frenezulo. — Tio ĉi estas nenio. Mi diktados. Ja estis do blinda Milton', kiam li skribadis sian „Redonitan paradizon". Mi povas pensi — kaj tio ĉi estas ĉefa, tio ĉi estas ĉio.

Kaj mi komencis verkadi longan, saĝan frazon pri blinda Milton', sed vortoj sin intermiksadis, elfaladis, kiel el malbona kompostaĵo, kaj kiam mi alvenadis al la fino de l'frazo, mi jam forgesadis ĝian komencon. Mi volis rememoriĝi tiam, de kie tio ĉi komenciĝis, kial mi verkas tiun ĉi strangan, sensencan frazon pri la Milton' — kaj ne povis.

— „Redonita paradizo", «Redonita paradizo",—ripetadis mi, kaj ne komprenadis, kion tio ĉi signifas.

Kaj tie ĉi mi ekkomprenis, ke entute multon mi forgesadas, ke mi fariĝis strange distrita kaj intermiksadas konatajn vizaĝojn; ke eĉ en simpla interparolado mi perdadas vortojn, kaj iafoje eĉ sciante vorton neniel povas kompreni ĝian signifon. Al mi klare prezentiĝis nuna mia tago: ia stranga, mallonga, dehakita, kiel miaj piedoj, kun malplenaj enigmaj lokoj—longaj horoj de perdado de l'konscio aŭ de sensenteco, pri kiuj mi nenion povas rememoriĝi.

Mi volis voki la edzinon, sed forgesis, kiel ŝi estas nomata, — tio ĉi jam ne mirigis kaj ne timigis min. Mallaŭtete mi ekmurmuris:

— Edzino!

La malgracia, nekutima en interparolado vorto mallaŭte eksonis kaj formortis, ne elvokinte respondon. Kaj mallaŭte estis. Ili timis per nezorga sono malhelpi al mia laborado kaj mallaŭte estis—vera kabineto de sciencisto, komforta, trankvila, alagordanta al meditado kaj kreado. „Karaj miaj, kiel ili zorgas min!"—ekpensis mi, kortuŝita.

... Kaj inspireco, sankta inspireco lumigis min. Suno ekbruliĝis en mia kapo, kaj varmegaj kreantaj radioj ĝiaj ekŝprucis sur la tutan mondon, ĵetante florojn kaj kantojn. Florojn kaj kantojn. Kaj la tutan nokton mi skribadis, ne konante lacecon, libere flagante sur flugiloj de l'potenca, sankta inspireco. Mi skribadis grandaĵon, mi skribadis senmortaĵon – florojn kaj kantojn. Florojn kaj kantojn ..

**Serĉanto.**

(Daŭrigo venos).

---

# Pri la homaranismo.

Respondo al P-ro Dombrovski.

---

La artikolo de P-ro Dombrovski en la № 3 de „Ruslanda Esperantisto" min iom mirigis. Estas tamen facile rimarki, ke la tuta artikolo estas kaŭzita de simpla malkompreniĝo.

Mi ne volas nun multe paroli pri la esenco kaj celoj de la homaranismo, ĉar tio ĉi postulus la skribadon de multaj kaj grandegaj volumoj, kiuj pli aŭ malpli frue sendube estos verkitaj de diversaj homaranoj. La temo estas tiel ampleksa, ke kiom ajn multe mi parolus, mi ne klarigus eĉ la centonon de tio, kio devas esti klarigata. Tial mi lasas al aliaj personoj kaj aliaj tempoj la iom-post-ioman plenan klarigadon de la homaranismo kaj mi diros nur kelke da vortoj pri tiuj pure eksteraj malkompreniĝoj, kiuj kaŭzis la artikolon de s-ro D.

1) Ŝajnas al mi, ke la ĉefa kaŭzo, kiu malamikigis s-ron D. kontraŭ la homaranismo, estas la malfeliĉa esprimo „spirita mallumo", kiun li legis en la dogmo 10. S-ro D. trovis, ke laŭ la opinio de la homaranoj la religiaj moroj enkondukas en la vivon „spiritan mallumon", kaj mi tute ne miras, ke tiu ĉi esprimo faris malagrablan efikon sur s-ron D. Sed se li estus leginta la dogmojn pli atente, li facile rimarkus, ke tiu ĉi malfeliĉa esprimo estas... simpla preseraro! La homaranoj ne sole ne estas malamikoj de la religiaj moroj, sed kontraŭe, varmege ilin rekomendas (kompreneble, ili deziras perfektigi la morojn kaj purigi ilin de ĉio mensoga kaj hipokrita), ili trovas la ekzistadon de moroj tre grava kaj ili diras en siaj dogmoj ke la religiaj moroj havas la celon enporti en la vivon difinitan programon kaj spiritan varmon; sed en la rusa teksto de la dogmoj per eraro anstataŭ la vorto „tjeplotu" (=varmon) estis presita „tjemnotu" (=mallumon). Kia domaĝo, ke s-ro D. legis nur la rusan tekston kaj, rimarkante laŭ la senco, ke tie estas tre videble ia preseraro, ne enrigardis en la apude starantan tekston Esperantan!

2) Al s-ro D. ŝajnis, ke la homaranoj metas Hillelon pli alte ol Jesuon Kriston. Ĉar s-ro D. estas ne sole sincera kaj profunde konvinkita kristano, sed ankaŭ katolika pastro kaj profesoro de eklezia akademio, mi tute ne miras, ke tiu ĉi supozata intenco de la homaranoj faris sur lin malbonan impreson. Sed... ankaŭ tie ĉi estas ja simpla eraro, kiu certe neniam povus veni en la kapon de s-ro D., se li legus la dogmojn pli atente. La homaranoj ne havas eĉ la plej malgrandan intencon komparadi reciproke la valoron de diversaj religioj kaj de iliaj fondintoj; la ideo detronigi Jesuon Kriston por la kristanoj aŭ Mozeon por la hebreoj aŭ Mahometon por la mahometanoj k. t. p. kaj surtronigi anstataŭ ili Hillelon neniam eĉ por unu minuto venis en la kapon de iu homarano. Sian ĉefan religian principon la homaranoj nomis „hilelismo" ne por honori pli Hillelon ol Kriston aŭ Mozeon, sed nur tial, ke la principo, kiu donis al la homaranoj la eblon krei ponton inter ĉiuj religioj, estis esprimita (kvankam sen ia speciala propaganda intenco) ĝuste

de Hillel. Se okaze tiu principo estus esprimita ne de Hillel, sed de ia tute sensignifa kaj senvalora persono, ni devus nomi tiun principon per la nomo de tiu persono, kaj tio ĉi tute ne signifus, ke ni metas tiun personon pli alte ol ĉiujn grandajn instruistojn de la homaro. Se ni devus fari tiun honoron al ĉiu eĉ plej senvalora homo, se li okaze estus aŭtoro de la principo, tiom pli ni ja ne povas rifuzi tiun ĉi tute naturan honoron al Hillel, pri kiu s-ro D. kiel pastro instruita scias ja tre bone, ke li est's unu el la plej piaj kaj plej estimindaj religiaj saĝuloj.

Se la homaranoj volus krei ian novan religion, ili sendube turnus sin ne al Hillel, sed al la diversaj fondintoj de religioj; sed la homaranoj ne havas eĉ la plej malgrandan intencon krei ian novan religion, ili volus nur fari ponton, kiu povus pace ligi inter si ĉiujn religiojn ekzistantajn kaj poste iom-post-iom kunfandi ilin reciproke. Ke Kristo revis pri frateco de la homaro, neniu el ni dubas; sed pri tio sama revis ankaŭ la fondintoj de aliaj religioj. Se Kristo kaj la aliaj grandaj instruintoj de la homaro nun vivus kune, ili certe facile interkonsentus inter si, ili certe la „efektivajn postulojn de Dio" metus pli alten ol ĉiujn diferencajn formajojn, kaj ni havus nun ne multajn religiojn, sed unu ĉiuhoman religion. Sed la fondintoj ja nun ne vivas, restis nur la „religioj", kiuj portas iliajn nomojn; kvankam ĉiuj ekzistantaj religioj parolas pri kunfandiĝo de la homaro, ne solę neniu el ili donis ian rimedon, por tion ĉi atingi, sed kontraŭe, ĉiu el ili rekte malhelpas tiun ĉi kunfandiĝon: ĉiu el la religioj ja diras, ke ĝi estas donita tuta de Dio, sekve tute konsekvence ĉiu religio devas rigardi ĉiujn alireligiulojn kiel pekantojn kontraŭ la ordonoj de Dio, kaj la akcepton de iaj aliaj religiaj formoj krom ĝiaj ĝi devas rigardi kiel krimon kontraŭ Dio Kiamaniere do fariĝos la kunfandiĝo de la homaro? S-ro D. respondos kredeble: ĉiuj homoj akceptu la religion katolikan, kaj tiam la homaro kunfandiĝos"... Sed tiel same diras ja pri sia religio ankaŭ la kredantoj de ĉiuj aliaj religioj. Kiel do agi?

La homaranoj havas nenian intencon esploradi la komparan valoron de ĉiuj religioj, ĉar tio ĉi estus afero tute sencela. Kiel ajn alte tiu aŭ alia religio starus, la mondo neniam akceptos ĝin memvole (kaj por propagando per glavo aŭ per reĝaj ordonoj pasis jam la tempo), ĉar ĉe kredantoj tion ĉi malpermesas la blinda kredo kaj ĉe nekredantoj tion ĉi malpermesas genta aŭ partia ambicio. Por ke ĉiu homo povu rigardi homon de alia religio ne kiel „malamikon de Dio" kaj por ke la homaro povu iam kunfandiĝi, ekzistas nur unu rimedo, nome la sekvanta: ke la homoj, ne rompante sian gentan religion kaj ne disputante pri la kompara valoro de la religiaj, akceptu la sekvantan dogmon, kiun ĉiu pensanta homo povas akcepti kun pura konscienco: „ordono de Dio mem estas nur tio, kio estas enskribita en la koro de ĉiu homo kaj kio tial estas kumuna al ĉiuj religioj, — ĉio alia en la religioj estas nur ordonoj de homoj, sekve sen peko kontraŭ Dio ĉiuj religiaj eksterajoj povas esti malsamaj ĉe diversaj gentoj kaj povas ŝanĝiĝi kaj kunfandiĝi per reciproka interkonsento de la homoj". Kiam tiu ĉi dogmo estos akceptita, tiam la eternaj religiaj muroj inter la homoj falos kaj la kunfandiĝo de la homaro fariĝos afero plenumebla.

Sed la diritan dogmon, kiu prezentus la tutan religian fundamenton, la tutan religian esencon de la homaranismo, ni trovas en formo konforme esprimita nek ĉe Kristo, nek ĉe Mozeo, nek ĉe iu alia, — ni trovas ĝin nur ĉe Hillel. Jen kial nia ideo ricevis la nomon „Hilelismo".

(Hillel diris al unu idolano. „La tuta esenco de nia religio estas la leĝo: „agu kun aliaj, kiel vi volas, ke oni agu kun vi"; ĉio alia estas nur komentarioj").

Mi parolis tiel multe pri Hillel nur por montri, ke la homaranoj estis tute pravaj, kiam ili sian ideon komence nomis „Hilelismo", sed en efektiveco la tuta argumentado estas superflua, ĉar grava estas ja ne la nomo, sed la esenco de la afero, kaj cetere nun, por tuŝi nenies gentan aŭ eklezian ambicion, la homaranoj jam mem, kiel oni scias, forigis la nomon „hilelismo" kaj anstataŭigis ĝin per la absolute sengenta, seneklezia kaj senpersona nomo „homaranismo".

3) S-ro D. diras, ke nia ideo ne estas nova! Se li iam ekscios la historion de la ideo homaranisma, li kun miro ekscios, ke en

la daŭro de tre multaj jaroj la iniciatoroj devis malfacile bataladi kun si mem, konstante serĉadi, esploradi kaj ŝanĝadi, antaŭ ol tra la multegaj kaj plej diversaj komplikitaj dogmoj, kiujn instruas la mondo kaj niaj kutimoj, ili venis al tiuj dogmoj, kiujn instruas la absoluta justeco kaj logiko kaj kiuj aperas nun al s-ro D. tiel malnovaj kaj ĉiukonataj!.. Sed tiu ĉi historio ja neniun povas interesi, kaj tial ni diras sole: jes, ni scias, ke nia ideo ne estas nova; sed ĝuste tio ĉi estas ja nia forto; ĝuste tiu fakto, ke pri nia ideo ĉiam revis kaj revas la plej bonaj homoj en ĉiuj tempoj kaj en ĉiuj lokoj de la tero, tio ĉi ja devas montri la plej konvinke, ke nia ideo ne estas arbitre elpensita de iaj apartaj utopiistoj, ke ĝi estas perfekte bona, absolute necesa, ke la celado al ĝi estas la devo de ĉiu homo. Vi diras, ke pri tiu ĉi ideo jam antaŭ ni paroladis ĉiam la veraj religiuloj, la humanistoj, la framasonoj k. t. p... Jes, sed la diferenco inter ili kaj ni estas tio, ke ili **parolas kaj revas** pri la frateco de la homaro kaj ni celas ĝin praktike **efektivigi**; ĉiu vera religiulo, humanisto aŭ framasono, kiu el la anaro de la parolantoj kaj revantoj transiras al la anaro de la efektivigantoj, fariĝas per tio „homarano".

4) „Ili ne malkuraĝis ankaŭ proponi eĉ tute nekompreneblajn barbarajn terminojn de „Peterburgregno", de „Varsovilando" — diras s-ro D. Mi konfesas, ke mi ne komprenas, per kio la diritaj terminoj estas tiel nekompreneblaj kaj barbaraj, kaj ŝajnas al mi, ke se s-ro D. sin mem demandos, li devos konfesi, ke la tuta kulpo de tiuj terminoj konsistas nur en tio, ke ili estas „novaj" kaj niaj oreloj ankoraŭ ne alkutimiĝis al ili; sed ĉu ĉio, kio ĝis nun ne estis uzata, estas nepre barbara? Ni tamen blinde kredu, ke la diritaj terminoj estas terure barbaraj kaj ilia proponado estis „nemalkuraĝo" de la flanko de la homaranoj, — kaj ni demandu: en **kio** konsistas ilia barbareco? Ĉu en la **formo** de la vortoj? tiam ni devas ja memori, ke neniu malpermesas al la homaranoj anstataŭigi tiujn vortojn per aliaj, pli agrablaj, se tiaj troviĝos. Ĉu en la **principo** de la vortoj, kiu konsistas en tio, ke lando ne devas porti la nomon de ia gento? Sed s-ro D. ja scias, ke la nomado de lando per la nomo de ia gento ĉiam kondukas al tio ke la dirita gento rigardas sin kiel mastrojn de la lando kaj ĉiujn, kiuj ne apartenas al tiu gento, ili rigardas kiel fremdulojn, kiuj estas nur tolerataj, manĝas la panon de tiu gento kaj devas servi al la interesoj de tiu gento. Ĉu tio ĉi estas justa? Se mi naskiĝis en tiu ĉi lando, se tie ĉi vivis kaj laboris miaj gepatroj, se tie ĉi sin trovas la tomboj de miaj avoj kaj praavoj, se ĉiuj atomoj de mia korpo konsistas el produktaĵoj de tiu ĉi lando, — ĉu estas juste, ke oni min nomu fremdulo en mia patrujo, ke oni min nomu homo sen patrujo nur tial, ke mi konfesas alian religion aŭ parolas alian lingvon ol la gento, kiu en mia lando prezentas la plimulton? Ĉi oni povas nei, ke laŭ la leĝoj de la vera moralo ĉiuj homoj havas egalajn rajtojn pri la lando de ilia naskiĝo tiel same, kiel ĉiuj infanoj havas egalajn rajtojn pri sia patrino, kaj ĉia alia parolado estas barbaraĵo, kiu nin ne indignigas nur tial, ke ni ne pensas pri tio ĉi?

Se ekzemple iu franco aŭ hispano ne komprenus la principon de la sengenteco de la tero, mi ne mirus: ili tiel kutimiĝis vidi ĉirkaŭ si ĉiam nur samgentanojn, aŭdi nur unu lingvon, ke estus tute pardoneble, se ili profunde kredus, ke lando kaj lingvo kaj religio estas identaj; sed kiu loĝas en lando, en kiu kolizioj de gentoj estas renkontataj sur ĉiu paŝo, tiu ne povas dubi pri la sole vera principo de la intergenta moralo.

Kaj se ni eĉ ne volas jam pensi pri moralo kaj justeco absoluta, al kiu ni ankoraŭ ne alkutimiĝis kaj kiu tial sonas en niaj oreloj nekompreneble kaj barbare, se ni volas ĉion juĝi nur laŭ niaj **kutimoj**, tiam ni ja ankaŭ devas ellabori en ni respondon al la sekvanta demando: se ĉiu loko de la tero devas aparteni al unu gento, tiam al **kiu** gento ĝi devas aparteni? Ĉu al tiu gento, kiu **antaŭe** posedis la landon? en tia okazo cent milionoj da kulturaj amerikanoj estas fremduloj en sia hejmo, homoj sen patrujo, ĉar ankoraŭ antaŭ kelkaj jarcentoj iliaj prapatroj loĝis ne en Ameriko. Ĉu al tiu gento, kiu **nun** posedas la landon? en tia okazo 20 milionoj da poloj kaj multaj milionoj da aliaj popoloj estas homoj sen patrujo ĉar ili havas en sia posedo neniun landon... Ĉu al tiu gento, kiu en la dirita loko prezentas la plimulton? en tia okazo en ĉiuj gubernioj de la okcidenta Rusujo ĉiuj urboj (krom Varsovio) devas aparteni al la

hebreoj, kaj ĉiuj nehebreoj devas esti rigardataj tie kiel fremduloj, kiel homoj sen patrujo. Kiel do decidi tiun ĉi komplikitan demandon? Ho ve, ĉiu decidas ĝin nur tiel, kiel estas oportune por li. Ekzemple, rusaj „patriotoj" diras, ke la tuta „rusa" regno tute nature devas aparteni nur al la „rusoj"; pola patrioto diras, ke en „Polujo" ĉiuj devas esti poloj, sed tiuj samaj poloj indignas, kiam en alia lando oni postulas, ke ili estu ne-poloj; hebreaj patriotoj diras, ke en siaj landoj de naskiĝo ili devas esti plenrajtaj regnanoj kaj tamen en Palestino iam devas mastrumi nur la hebreoj... k. t. p. Ĉu ni ne vidas, kiel sensencaj kaj senmoralaj estas tiuj barbartempaj kaj dumezurilaj politikaj principoj? Ĉu vi ne vidas, ke ili ne sole estas krimo kontraŭ la pura moralo, sed ankaŭ konstanta kaŭzo de neniam finiĝontaj intergentaj konfliktoj? Ĉu vi ne vidas, ke la sola morale justa kaj praktike paciga intergenta principo devas esti „plena sendependeco de ĉiu lando de la religio kaj lingvo de ĝiaj loĝantoj?" Ĉu vi ne komprenas, ke tiu ĉi principo estas atingebla nur tiam, kiam malaperos la barbartempa kutimo nomi landon per la nomo de unu el la gentoj, kiuj en ĝi loĝas?

5) Estas strange, ke la bonega esperantisto s-ro D., kiu sendube multajn fojojn rebatadis la riproĉon, kiun la rutinuloj faras kontraŭ la ideo de lingvo internacia, nun mem faras ĝuste tiun saman blinde rutinan riproĉon kontraŭ la homaranismo! „La homaranismo estas kontraŭnacia kaj kontraŭreligia!!" Kia senatenta supraja prijuĝo! La homaranismo, kies unu el la plej ĉefaj dogmoj estas batalado por la plena rajto de ekzistado de ĉiuj lingvoj kaj dialektoj, t. e. de ĉiuj nacioj kaj nacietoj,—la homaranismo, kiu ĉian englutemecon de nacioj kaj lingvoj fortaj kontraŭ nacioj kaj lingvoj malfortaj nomas „barbareco", kontraŭ kiu la batalado estas unu el la ĉefaj celoj de la kreiĝo de la homaranismo, — tiu homaranismo estas kontraŭnacia! Per kio la homaranismo batalas kontraŭ la ekzistantaj lingvoj? Ĝi ja ne sole permesas al ĉiu uzi sian lingvon aŭ dialekton, sed ĝi eĉ rekte, per speciala kaj klara dogmo postulas tiun ĉi rajton por ĉiu homo. La homaranismo ja nur postulas, ke sian lingvon ĉiu uzu nur por si kaj ne altrudu ĝin al aliaj personoj kaj ke li ne faru el ĝi „idolon", de kio povus suferi aliaj personoj. Tiel same kiel regna justeco neniam intencas tuŝi la sanktecon de la internaj familiaj rilatoj, sed nur zorgas pri tio, ke la familiaj aferoj restu limigitaj en domo kaj unu familio ne altrudu siajn dezirojn al aliaj familioj, tiel same la homaranismo absolute ne intencas batali kontraŭ la interna vivo de la gentoj, sed ĝi batalas nur kontraŭ la maljusta regado de unu patruja gento kontraŭ la aliaj. Kulpigi la homaranismon pri kontraŭnacieco estas ja ripeti la vortojn de diversaj „vere rusaj" homoj, kiuj diras, ke konstitucio estas malamiko de libereco, ĉar... ĝi malpermesas al unuj regnanoj libere premadi la aliajn regnanojn!

La homaranismo laŭ la opinio de s-ro D. estas kontraŭreligia! Kiun la homaranismo detiras de la religio? Ĉu la homojn blinde kredantajn? sed tiuj ja ne akceptos la homaranismon. Ĉu la homojn libere pensantajn? sed tiuj ja de longe defalis de la religio, kaj la homaranismo, kontraŭe, celas altiri ilin al la religio! La homaranismo, kiu varbos siajn adeptojn ne per blinda kredigado, sed per admonado, estas ja destinita sole nur por homoj libere pensantaj. La eklezio forigis ilin de la vera Dio,—la homaranismo ilin redondukis al Li. La eklezio rakontis al ili pri diversaj elpensitaj „ordonoj de Dio", pri diversaj elpensitaj „sanktaj veroj", kaj kiam ilia prudento kontraŭ tio ĉi ekprotestis, ili devis tute defali de ĉia religio, kaj multaj el ili sentas sin tre malfeliĉaj. Ili volas iafoje turni sian koron al la nekonata mistera Forto de la mondo, sed ili ne povas tion ĉi fari, ĉar la nomon de Dio abomenigis al ili la falsa eklezia ideo pri Li; ili volus iri en preĝejon, sed ili ne povas tion ĉi fari, ĉar ĝi estus hipokritaĵo de ilia flanko; ili volus legi la Biblion, Evangelion kaj aliajn grandajn kaj kortrankviligantajn librojn, sed pro la karaktero de tiuj libroj ili ne povas tion ĉi fari sen hipokriteco; ili volus partopreni en iaj religiaj moroj, kiuj de la infanaj jaroj havas por ili multe da ĉarmo,—sed tio ĉi estus hipokritaĵo; per festoj kaj aliaj eksteraĵoj ili volus enporti kelkan poezian ĉarmon en la vivon de siaj infanoj, sed tio ĉi estus hipokritaĵo... La homaranismo redonas al ili almenaŭ parte, tion, kion ili perdis. Ĝi diras al ili: vi povas direkti viajn pensojn al la Mistera Forto, se vi nur ne parolas pri ĝi en

senco eklezia kaj kontraŭa al via scio kaj konvinkoj; vi povas legi la grandajn librojn de la instruintoj de la homaro, se vi nur memoros ĉiam, ke ili estas verkoj ne de Dio, sed de homoj, kaj se vi memoros, ke paralele kun grandaj perloj de filozofio kaj etiko tie troviĝas ankaŭ senvaloraj almiksaĵoj; vi povas partopreni mem kaj partoprenigi viajn infanojn en diversaj religiaj festoj kaj moroj, se vi evitos en ili ĉian mensogon kaj hipokritecon, ĉion, kio estas kontraŭ viaj konvinkoj kaj kredo, kaj partoprenados en ili simple nur kiel en tradiciaj moroj di via gento...

Kaj tiu ĉi homaranismo, kiu ne detiras de la religio la btinde kredantajn, sed kontraŭe, realproksimigas al la religio tiujn, kiuj perdis ĉian religion,—tiu ĉi homaranismo estas kontraŭreligia! Ni volas ne pereigi la religion, sed savi ĝin de la senduba pereo, al kiu alkondukis ĝin la batalado inter la prudento kaj eklezio.

Oni devas memori, ke la homaranismo tute ne volas anstataŭigi la ekzistantajn religiojn kaj templojn per iaj aliaj, ĝi volas nur krom la ekzistantaj kaj paralele kun ili fondi ankaŭ festojn, morojn kaj templojn neŭtrale-homajn. Estas vero, ke iom post iom (eble post tre longa tempo) la festoj kaj moroj neŭtrale-homaj paligados kaj elpuŝados la morojn gentajn, kaj la malaperantaj, ĉiam malpli kaj malpli ŝatataj religioj cedos iom post iom sian lokon al unu neŭtrale-homa kaj sincere kaj senhipokrite kredata religio; sed ĉu de tio ĉi ion perdos la religia ideo?

Vin, s-ro D., pri kiu mi scias, ke vi estas homo sincere kaj profunde religia, efektive kaj kore sindona pastro de Dio,—vin mi demandas: se vi povus vin turni al tiu granda morala Forto, kiun ni nomas „Dio“ kaj demandi Lin, ĉu Li preferas, ke la homoj havu multajn religiojn kaj tial malamadu sin reciproke kaj ĉiu diru, ke nur lia religio estas la vera, aŭ ke la homoj aranĝu inter si ponton, per kiu ĉiuj religioj povos iom post iom kunfandiĝi en unu religion, kaj ili konstruu templojn komunajn, en kiuj ili povos frate ellaboradi al si idealojn kaj morojn komunajn,—kion Dio respondus? Se vi estas certa, ke Li preferus la unuan, tiam batalu kontraŭ la homaranismo; sed se vi pensas, ke Li elektus la duan, tiam... ne batalu por ni (ĉar mi komprenas, ke kiel pastro vi ne povas tion ĉi fari, almenaŭ nun), sed almenaŭ ne batalu kontraŭ ni, ĉar, batalante kontraŭ ni, vi batalos kontraŭ la volo de Tiu, al kiu vi ĉiam sincere kaj honeste servis.

**Homarano.**

---

# Rido.

De Leonid Andrejev.*)

En duono de sepa horo mi estis kredigita, ke ŝi venos, kaj al mi estis treege gaje. Mantelo mia estis butonumita per sola supra hoketo kaj disbloviĝadis de malvarma vento, sed malvarmon mi ne sentis; kapo mia estis fiere klinita malantaŭen, kaj studenta ĉapo sidis tute sur nuko; okuloj miaj, rilate al renkontiĝantaj viroj, esprimadis favoron kaj bravecon, rilate al virinoj elvokon kaj afablecon: kvankam jam kvar tagojn mi amis solan ŝin, sed mi estis tiel juna, kaj koro mia estis tiel riĉa, ke resti tute indiferenta al aliaj virinoj mi ne povis. Kaj paŝoj miaj estis rapidaj, kuraĝaj, flirtantaj.

En sen-kvarono sep horoj mantelo mia estis butonumita per du butonoj, kaj mi rigardis nur virinojn, sed sen elvoko kaj afableco, kaj pli precize — kun abomeno. Mi bezonis nur unu virinon — ceteraj povis renversiĝi al diablo: ili nur malhelpadis kaj per sia ŝajna simileco al ŝi aldonadis al miaj movoj malkonfidecon kaj akran nekonstantecon.

En sen-kvin minutoj sep al mi fariĝis varmege.

*) Leonid Andrejev estas unu el plej talentaj nuntempaj rusaj verkistoj. Dum kelkaj lastaj jaroj li atingis grandegan gloron kaj fariĝis plej legata el novaj aŭtoroj. Malgraŭ nemulteco de liaj noveloj kaj rakontoj li jam elmontris sin kiel originalan kaj potencan artiston-psihologon. El liaj belaj verkoj plej eminentaj estas „Silento“, „Rakonto pri Sergej Petroviĉ“, „Oni vivis ...“, „Penso“, „Vivo de Vasilij Fivejskij“ kaj precipe fama „Ruĝa rido“, dediĉita al teruroj de milita.

En sen-du minutoj sep al mi fariĝis malvarme.

Ĝuste en sep horoj mi konvinkiĝis, ke ŝi ne venos.

En duono de naŭa horo mi prezentis de mi plej mizeran ekzistaĵon en mondo. Mantelo estis butonumita per ĉiuj butonoj, kolumo — levita, kaj ĉapo-surŝovita sur bluiĝintan nazon; haroj sur tempioj, lipharoj kaj okulharoj blankiĝis de prujno, kaj dentoj iom interfrapadis. Pro piedtiranta iro kaj fleksita dorso min oni povis opinii sufiĉe ankoraŭ vigla maljunulo, reiranta el gastado en rifuĝejon.

Kaj ĉion tion ĉi faris — ŝi! Ho, diabl... ne, ne decas: povas esti, ke ŝin oni ne lasis, aŭ ŝi estas malsana, aŭ mortis. Mortis! — kaj mi insultas.

II.

— Tie hodiaŭ estas ankaŭ Eŭgénia Nikolájevna, — diris al mi kolego, studento, sen ia kaŝita intenco: li ne povis scii, ke mi atendis Eŭgenia'n Nikolajevna'n en frosto de sep horoj ĝis duono de naŭa.

— Jen kiel! — profundpense respondis mi, sed en animo eksaltis: ho, diabl . . .

Tie — tio ĉi estas en vesperaĵo ĉe Pólozov'oj. Polozov'oj tio ĉi estas homoj, ĉe kiuj mi neniam estadis. Sed hodiaŭ mi tie estos.

— Sinjoroj! — gaje ekkriis mi. — Hodiaŭ estas Kristnasko; hodiaŭ ĉiuj gajas — gaju ankaŭ ni.

— Sed kiel?—malgaje diris unu.

— Sed kie?—aldonis alia.

— Ni ornamvestiĝu kaj veturadu en ĉiujn vesperaĵojn,—decidis mi.

Kaj al ili, tiuj ĉi sensentemaj homoj, efektive fariĝis gaje. Ili kriadis, saldadis kaj kantadis. Ili dankadis min kaj kalkuladis kvanton da kontanta mono. Kaj post duonhoro ni varbadis en tuta urbo ĉiujn solajn, ĉiujn enuantajn studentojn, kaj kiam ni estis en kvanto da dek gaje saltantaj diabloj, ni veturis en frizejon, — ĝi estas ankaŭ kostumejo, — kaj plenigis ĝin per malvarmo, juneco kaj rido.

Mi bezonis ion malluman, belan, kun nuanco de bela malgajeco, kaj mi petis:

— Donu al mi kostumon de hispana nobelo.

Kredeble, tio ĉi estis tre longa nobelo, ĉar en lia vesto mi kaŝiĝis tuta sen resto kaj eksentis min jam tute sola, kvazaŭ en vasta kaj senhoma salono. Elirinte el kostumo, mi petis ion alian.

— Ĉu eble vi volas arlekenon? Multkolora kun tintiletoj.

— Arlekenon!—kun malestimo ekkriis mi.

— Nu banditon. — Tia ĉapelo kaj ponardo.

Ponardo!—tio ĉi estas konforma al miaj intencoj. Bedaŭrinde, bandito, de kiu oni donis al mi veston, malcerte atingis plenaĝon. Plej kredeble, tio ĉi estis malvirtiĝinta bubo en aĝo de ĉirkaŭ ok jaroj. Lia ĉapeleto ne kovris mian nukon, kaj el veluraj pantalonoj min oni devis eltiri, kvazaŭ el kaptilo. Paĝio ne taŭgis—li estis tuta en makuloj, kvazaŭ tigro. Monaĥo estis en truoj.

— Kio do vi? Malfrue estas! – rapidigis min jam vestiĝintaj kolegoj. Restis sola kostumo—de nobela ĥino.

— Donu ĥinon! — svingis mi per mano, kaj al mi oni donis ĥinon. Tio ĉi estis, diablo scias—kio! Mi ne diras jam pri mem kostumo. Mi silentas pri iaj idiotaj koloraj botoj, kiuj estis por mi malgrandaj, eniris duone kaj en resta sia, plej esenca parto elstaris en vido de du nokompreneblaj aldonoj sur ambaŭ flankoj de piedo. Silentos mi ankaŭ pri roza ĉifono, kiu kovris mian kapon en vido de hararo kaj estis alligata per fadenoj al oreloj, kiuj pro tio ĉi leviĝis kaj stariĝis, kiel ĉe vesperto.

— Sed masko!

Tio ĉi estis, se oni povas tiel sin esprimi, abstrakta fizionomio. Ĉe ĝi estis nazo, okuloj kaj buŝo, kaj ĉio tio ĉi estis regula, staranta sur sia loko, sed en ĝi estis nenio homa. Homo eĉ en ĉerko ne povas esti tiel trankvila. Ĝi esprimadis nek malgajecon, nek gajecon, nek miregon—ĝi absolute nenion esprimadis. Ĝi rigardadis vin rekte kaj trankvile—kaj nedetenebla ridego ekposedadis vin. Kolegoj miaj ruliĝadis de rido sur kanapoj, senforte faladis sur seĝoj kaj svingadis per manoj. Tio ĉi estos plej originala masko,—parolis ili. Mi apenaŭ ne ploris, sed kiam mi ekrigardis en spegulon, rido ekposedis ankaŭ min. Jes, tio ĉi estos plej orignala masko.

— En nenia okazo ni forprenu de vizaĝoj maskojn, interkonsentadis kolegoj dum vojo.— Ni donu ĵuran parolon,

— Parolon! Parolon!..

III.

Absolute, tio ĉi estis plej originala masko. Post mi oni iradis en tutaj amasoj, turnadis min, puŝadis, pinĉadis—kaj kiam, turmentita, mi kun kolero turniĝadis al persekutantoj — nedetenebla ridego ekposedadis iiin. Dum tuta vojo min ĉirkaŭadis kaj premadis brueganta nubo de ridego, kaj moviĝadis kune kun mi, kaj mi ne povis min elŝiri el tiu ĉi ringo de freneza gajado. Kelkajn minutojn ĝi kaptadis ankaŭ min: mi kriadis, kantadis, kaj tuta mondo sin turnadis en miaj okuloj, kiel malsobra. Kaj kiel ĝi estis malproksima de mi, tiu ĉi mondo! Kaj kiel sola mi estis sub tiu ĉi masko!

Fine, min oni restigis en trankvileco. Kun kolero kaj timo, kun malico kaj delikateco mi ekrigardis ŝin kaj diris:

— Tio ĉi estas mi.

Densaj okulharoj malrapide kaj kun miro leviĝis, tuta garbo de nigraj radioj ekŝprucis sur min—kaj rido, sonora, gaja, bela, kiel printempa suno, rido respondis al mi.

— Jes, tio ĉi estas mi. Tio ĉi estas mi! — ripetadis mi, kaj ridetadis.— Kial vi ne venis hodiaŭ?

Sed ŝi ridis. Gaje ridis.

— Mi tiel elsuferis Tiel eldoloris koro,— petegis mi rospondon.

Sed ŝi ridis. Nigra brilo de ŝiaj okuloj estingiĝis, kaj—pli kaj pli hele—disbruliĝadis rideto. Tio ĉi estis suno. sed suno brula, senindulga, kruda.

— Kio estas kun vi?

— Tio ĉi estas vi?—elparolis ŝi, sin detenante. — Kia vi estas... ridinda! Ŝultroj miaj malleviĝis, kaj kapo malleviĝis, kaj tiel multe da malespero estis en mia pozo. Kaj dum ŝi, kun estingiĝanta lumo de rideto sur vizaĝo, rigardis kurantajn rapide preter ni junajn parojn, mi parolis:

— Hontinde estas ridi. Ĉu post mia ridinda masko vi ne sentas vivan suferantan vizaĝon—ja nur por vidi vin mi vestis ĝin. Vi donis al mi esperon je via amo, kaj tiel rapide, tiel kruele vi forprenas ĝin. Kial vi ne venis?

Rapide, kun rediro sur ĉarma ridetanta buŝo ŝi turniĝis al mi — kaj kruela rido ĉiopotence ekposedis ŝin. Sufokiĝante, preskaŭ plorante, kovrante vizaĝon per punta parfuma tuketo, ŝi malfacile elparolis:

— Ekrigardu... vin. Malantaŭe en spegulon... Ho, kia estas vi!..

Kunmovante brovojn, kunpremante de doloro dentojn, kun malvarmiĝinta vizaĝo, de kiu defluis sango, mi ekrigardis en spegulon,— min rigardis idiote-trankvila, naŝanceleble indiferenta, nehome malmovema fizionomio. Kaj mi... mi ekridis. Kaj kun nemalvarmiĝinta ankoraŭ rido, sed jam kun tremo de komenciĝanta kolero, kun frenezeco de malespero, mi ekparolis, preskaŭ ekkriis:

— Vi ne devas ridi!

Kaj kiam ŝi trankviliĝis, mi daŭrigis murmurete paroli pri mia amo. Kaj neniam mi parolis tiel bone, tial, ke neniam mi amis tiel forte. Pri turmentoj de atendado, pri venenaj larmoj de freneza ĵaluzo kaj sopiro, pri mia animo, kie ĉio estis amo, mi parolis. Kaj mi vidis, kiel, malleviĝante, ĵetis okulharoj densan ombron sur paliĝintajn vangojn. Mi vidis, kiel tra ilia malbrila blankeco ĵetadis ruĝan relumon ekflamiĝinta fajro, kaj kiel tuta fleksebla korpo senvole inkliniĝadis al mi. Ŝi estis vestita kiel diino de nokto kaj, tuta enigma, kvazaŭ per nebulo vestita per nigra punto, brilanta per briliantoj de steloj, estis bela, kiel forgesita sonĝo de malproksima infaneco. Mi parolis — kaj larmoj surboladis ĉe mi sur okuloj, kaj ĝoje batadis koro. Kaj mi ekvidis, ekvidis, fine, kiel ĉarma, kompatanta rideto malkovris ŝian buŝon, kaj ektreminte, leviĝis okulharoj. Malrapide, timeme, kun senfina konfido turnis ŝi al mi kapeton, kaj...

Tian ridon mi ankoraŭ ne aŭdis!

— Ne, ne. mi ne povas...— preskaŭ ĝemadis ŝi kaj, klininte malantaŭen kapon, ree elpafadis per sona kaskado de rido.

Ho, se al mi nur por unu minuto oni donus homan vizaĝon! Mi mordadis lipojn, larmoj fluadis sur mia varmegiĝinta vizaĝo, sed ĝi, tiu ĉi idiota fizionomio, en kiu ĉio estis regula, nazo, okuloj kaj lipoj, rigardis kun neŝanceleble terura - en sia sensenceco — indiferenteco. Kaj kiam, lamante sur miaj koloraj piedoj, mi foriris, ĝis mi longe ankoraŭ alportis sin sonora rido: kvazaŭ de grandega alto faladis arĝentkolora flueto de akvo kaj kun gaja kantado disbatiĝadis de malmola ŝtonego.

IV.

Disŝutiĝinte sur tuta dormanta strato, ve kante noktan mallaŭtecon per viglaj, ekscititaj voĉoj, ni iris hejmen, kaj kolego al mi parolis:

— Vi havis kolosan sukceson. Mi neniam vidis, ke oni tiel ridus... Antendu, kion vi faras? Kial vi ŝiras marskon? Fratetoj, li freneziĝis! Rigardu, li disŝiras sian kostumon! Li ploras!!

**Vs. Lojko.**

# Esperantista Movado.

**Австралія**. Мельбурнскій эспер. клубъ работаетъ крайне энергично. мѣстн. журн. „The Australasian Typographical Journal“ въ № 399 перепечаталъ ст. о яз. эспер. изъ Вѣнскаго журн. „Vorwärts“.

**Aŭstralio.** Melburna esper. klubo laboras ekstreme energie. La loka ĵurn. „The Aŭstralasian Typographical Journal“ en № 399 represis art. pri l-vo esperanto el Viena ĵurnalo „Vorwärts“.

**Австрія**. Основалась эспер. группа въ Mersebury, предсѣд. которой избранъ учитель гимназіи, г. Rittelbuch, и, по инициативѣ г. Pudritzki, сформировался въ Kotzine эспер. кружокъ. Собранія Вѣнск. эспер. группы нынѣ происходятъ въ ресторанѣ Zach (Wien IV Pressgase, 26). Эспер. группа въ Klein-Augezd объединилась съ эспер. о-вомъ въ Reichenberg, открытіе котораго состоялось 7 марта въ Hôtel Reichshof. Въ Klein-Augezd г. Sattler устроилъ эспер. выставку и афиши о ней были развѣшаны даже въ гор. Teplitz. Читаются эспер. курсы въ Reichenberg, въ „Herzog Christian“ и въ О-вѣ Академиковъ въ гор. Smichov. По мысли г. R. Richter въ Reichenberg открылась эспер. транспортная контора. Изъ 1-го О-ва Австрійскихъ эсперантистовъ, основ. въ 1901 году, нынѣ выдѣлился въ самостоят. группу клубъ „Ĉeskich Esperantistŭ v. Brne.“

**Aŭstrujo**. Fondiĝis esper. grupo en Mersebury, kies prezidanto estis elektita la instruisto de gimnazio, s-ro Rittelbusch, kaj, laŭ iniciato de s-ro Pudritzki, formiĝis en Kotzine esperantista rondeto. Viena grupo aranĝas nun la kunvenojn en restoracio Zach (Wien IV, Pressgasse, 26). Esperantista grupo en Klein-Augezd unuiĝis kun esper. s-to en Reichenberg, fondiĝo de kiu fariĝis 7 Marton en Hotelo Reichshof. En Klein-Augezd s-ro Sattler aranĝis esper. ekspozicion; la afiŝoj pri ĝi estis elpendigitaj eĉ en urbo Teplitz. Oni legas esperantajn kursojn en Reichenberg, en „Herzog Christian“ kaj en la societo Akademista en urbo Smichov. Laŭ penso de s-ro R. Richter en Reichenberg estas fondita esperanta transporta kontoro. El „Unua s-to de Aŭstrujaj Esp-stoj, fondita en 1901 jaro, nun eliĝis en memstaran grupon „Klubo ĉeskich Esperantistŭ v Brne“.

**Алжиръ**. Торговый Синдикатъ г. Алжира пожертвовалъ мѣстн. эспер. группѣ 100 фр. Сущ. въ томъ же гор. эспер. рабочая группа вошла въ сношенія съ таковыми — же англійскими по вопросу основанія эспер. журнала въ защиту междунар. интересовъ пролетаріата. Вышелъ № 9 мѣстн. пропаганд. журн. „La Alĝeria stelo“, который отнынѣ начнетъ выходить ежемѣсячно.

**Alĝerio.** Komerca Sindikato de urbo Alĝero oferis por la loka esper. grupo 100 fr. Ekzist. en la sama urbo esperantista laborista grupo kunligis la rilatojn kun la samaj anglaj pri demando de fondo de esper. ĵurnalo por defendadi la internaciajn interesojn de proletariaro. Aperis № 9 de loka propag. ĵurn. „La Alĝeria stelo“, kiu de nun aperados ĉiumonate.

**Англія**. Основались эспер. группы въ гор. Loughborough, Grimbby, Goole, Skeffield, Nord-London и Hull. Объ эспер. произнос.

**Anglujo**. Fondiĝis esper. grupoj en urboj Loughborough, Grimsby, Goole, Skeffield, Nord-London kaj en Hull. Pri esperanto estis diritaj paroladoj de s-ro Ellis en Keighley, en

рѣчи г. Ellis въ Keighley, въ помѣщеніи „National Union of Teachers“, въ Highbury; г-жою A. Schafer въ Finsbury и въ Urba Asocio de Geinstruistoj. Въ Лондонѣ, въ помѣщеніи St. Bride's Institute, по иниціативѣ г. W. Kemp, состоялось эспер. празднество съ танцами, пѣніемъ и декламаціею. Подобный праздникъ г. W. Kemp намѣревается возобновить въ октябрѣ, а въ іюлѣ м-цѣ устроить прогулку въ Kew Gardens и танц. вечеръ въ Pitt's Restaurant. Въ минувшемъ Апрѣлѣ въ Kew Gardens случайно сошлись 24 эсперантиста 6 національностей: русскіе, финны, нѣмцы, австрійцы, французы и англичане и эсперанто какъ нельзя болѣе оправдалъ свое назначеніе въ ихъ собесѣдованіи. Въ Hillhead вышелъ и успѣшно функціонируетъ между англичанами и шотландцами рукописный эспер. журналъ. Газеты: „Norwood Press“ и „Dulwich Advertiser“ объявили литературный эспер. конкурсъ. 3 марта скончался г. Ben Elmy, видный общественный дѣятель и энергичный апостолъ яз. эсперанто.

**Бельгія**. По иниціативѣ г. I. Van Dijck, директора высшаго училища въ Антверпенѣ, яз. эспер. преподается въ назв. училищѣ проф. A. Finet. Читаются эспер. курсы аббатомъ Honincks въ Namur, въ коммерч. училищѣ и въ Spa,—въ помѣщеніи ратуши. Основалась эспер. группа въ Huy. Lieĝa группа имѣетъ собранія въ университетѣ. На состоявшемся въ Брюсселѣ, въ Cercle Poliglotte, праздникѣ, между прочимъ, былъ всесторонне экспонированъ яз. эсперанто и присутствовавшіе англичане, нѣмцы, французы, испанцы, итальянцы, русскіе и три китайца были восхищены геніальностью построенія универсальнаго языка и многіе весьма заинтересовались имъ. Журналъ Коммерч. О-ва „Unitas“, вых. въ Антверпенѣ, помѣстилъ объ эспер. длинную ст. г.г. Swagers и Finet. „Le XX-e Siecle“ еженедѣльно въ воскресн. приложеніяхъ помѣщаетъ ст. на яз. эсперанто. „Ons Woord“ въ предстоящую зиму имѣетъ напечатать для членовъ „Diesterweg“ курсъ яз. эсперанто. № 8 мѣстн. пропаг. журн „La Belga Sonorilo“ помѣстилъ воззваніе къ коммерсантамъ, обращая ихъ вниманіе на яз. эсперанто и выгоды, сопряженные съ примѣненіемъ его въ торговлѣ.

salono de National Union of Teachers; en Highbury; de s-no A. Schafer en Finsbury kaj en Urba Asocio de Geinstruistoj. En Londono, en salono de St. Bride's Institute, laŭ iniciato de s-ro W. Kemp, efektiviĝis esper. festeno kun dancado, kantado kaj deklamado. Simila festo s-ro W. Kemp intencas renovigi en Oktobro, kaj en Julio aranĝi promenadon en Kew Gardens kaj dancvesperon en Pitt's Restaurant. En pasinta Aprilo en Kew Gardens okaze kuniris 24 esperantistoj de 6 nacioj: rusoj finnoj, germanoj, aŭstroj, francoj kaj angloj kaj l-vo esperanto, kiel oni ne povas plu, pravigis sian antaŭdifinon en ilia interparolado. En Hillhead aperis kaj sukcese funkcias inter angloj kaj skotlandanoj manskriba esper. ĵurnalo. Gazetoj: „Norwood Press“ kaj „Dulwich advertiser“ anoncis literaturan esper. konkurson. 3 Marton mortis s-ro Ben Elmy, konata societa aganto kaj energiema apostolo de espersnto.

**Belgujo**. Laŭ iniciato de s-ro J. Van Dijck, direktoro de supra lernejo en Antverpeno, l-vo esperanto estas instruata en nomita lernejo de s-ro prof. A. Finet. Oni legas esper. kursojn de abato Honincks en Namur, en komerca lernejo kaj en Spa,—en magistrato. Fondiĝis esper. grupo en Huy. Lieĝa grupo havas kunvenojn en universitato. En okazinta en Bruselo, en Cercle Poliglotte, festeno inter la cetera estis ĉiuflanke eksponigita l vo esperanto kaj la ĉeestantoj: angloj, germanoj, francoj, hispanoj, italoj, rusoj kaj eĉ tri ĥinoj estis ravitaj de genieco de kreo de universala lingvo, kiu tre ekinteresigis la multojn. La ĵurnalo de Komerc. S-to „Unitas“, elir. en Antverpeno, enmetis pri esper. longan artikolon de s-roj Swagers kaj Finet „Le XX-e Siecle“ ĉiusemajne, en dimanĉaj aldonoj, enmetas artikolojn en l-vo esperanto. „Ons Woord“ dum venonta vintro intencas presi por la membroj de „Diesterweg“ kurson de l-vo esperanto. № 8 de loka propag. ĵurn. „La Belga Sonorilo“ enmetis alvokon al komercistaro, altirante ilian atenton al l-vo esperanto kaj al profitoj kunligitaj kun ĝia uzado en komercado.

**Болгарія.** Вышелъ № 5 эспер. журн. „Unua Paŝo“. Въ Филиппополѣ подъ фирмой „G. Oreŝkov и К°.“ основался эспер. Универсальный Коммисіонный Домъ.

**Венгрія.** Эспер. курсы въ Brünn переполнены слушателями и яз. эспер. распространяется необыкновенно успѣшно. Г. Dieterich по воскресеньямъ выѣзжаетъ въ Frattingsdorf, гдѣ, въ небольшомъ о-вѣ, преподаетъ эспер. Комитетъ эспер. о-ва въ Szeged рѣшилъ примѣнить къ яз. эспер. стенографич. систему Gabelsberger. Въ иллюстриров. журн. „Uj—Jdok“ появилась ст. г. Z. Baranynai «Поэты - эсперантисты Венгріи». Въ № 10 того же журн. появилась замѣтка о венгерск. эспер. учебникахъ, эспер. прессѣ и проч. Прекрасная ст. г. K. Tavasz въ „Szegedi Gyorsiro“ объ эсперанто, идеѣ эсперантизма и стенографіи.

**Германія.** Основалась эспер. группа въ Магдебургѣ, имѣющая еженед. собранія въ кофейнѣ „Wilhemstadt“ (Gr. Diesdorferstr. 242), въ Lemberg „Societo—Esperanto-en Leopolo“, а также группа въ Hanaŭ. Объ эспер. произнесены рѣчи: г. Skalski въ Lemberg; Peters въ Frankfurt a M. въ „Bund der technisch-industriellen Beamten“; d-ro Hanauer — въ „Unuiĝo de Germanaj Inĝenieroj“; г. Marz—въ Wiesbaden. Читаются эспер. курсы г. Lazica въ Lemberg; Borel и Bruhl — въ Берлинѣ и въ Hamburg-Altona, въ знаменитой Академіи Негоціантовъ, благодаря энергичн. дѣятельности д-ра Mybs. Газ. „Przemyslowiec“ ежедневно помѣщаетъ ст. объ эспер., а берлинск. журн. „Das Echo“ имѣетъ эспер. отдѣлъ подъ ред. г. Bruhl Также мн. другія газ. „Die Weltwarte“, „Fkft Warte“ благопріятно отзываются о яз. эсперанто, въ томъ числѣ и крайне скептически къ нему относившаяся „Münchener Neueste Nachrichten“. Въ Braunschweig вышелъ альбомъ изв. эсперантистовъ,—изд. г. F. Schuck.

**Индія.** По полученнымъ свѣдѣніямъ яз. эсперанто начинаетъ распространяться на островѣ Цейлонѣ.

**Испанія.** Основались эспер. группы въ Burgos и Guardia. Въ Torquemada, по иниціативѣ г. M. Esteban, формируется эспер. кружокъ. Фирма Estradera kaj Verdes въ гор. Coruna принимаетъ эспер. корреспонденцію. Мадридскій журн. „El Electricista“ продолжаетъ печатать системат. курсъ яз. эсперанто.

**Bulgarujo.** Aperis № 5 de esper. ĵurnalo „Unua Paŝo“. En Filipoplo sub firmo de „G. Oreŝkov kaj K°“ fondiĝis Esperanta Universala Komisia Domo.

**Hungarujo.** Esper. kursoj en Brünn estas troplenigitaj de geaŭskultantaro kaj l-vo esper. disvastiĝas tre sukcese. S-ro Dieterich ĉiudimanĉe forveturas en Frattingsdorf'on, kie, en malgranda societo, instruas esperanton. La komitato de esper. s-to en Szeged decidis prilabori por l-vo esperanto stenografian sistemon de Gabelsberger. En ilustrita ĵurn. „Uj-Jdok“ aperis artikolo de s-ro Z. Baranyai „Poetoj-esperantistoj de Hungarujo“. En № 10 de la sama ĵurnalo sin trovas noteto pri hungaraj esper lernolibroj, esperantista gazetaro kaj cet. Bonega artikolo de s-ro K. Tavasz en „Szegedi Gyorsiro“ pri esperanto, ideo de esperantismo kaj stenografio.

**Germanujo.** Fondiĝis esper. grupo en Magdeburgo, havanta ĉiusemajnajn kunvenojn en kafejo „Wilhemstadt“ (Gr. Diesdorferstz. 242), en Lemberg „Societo — Esperanto — en Leopolo“, kaj ankaŭ grupo en Hanaŭ. Pri esper. estis diritaj paroladoj: de s-ro Skalski en Lemberg; s-ro Peters en Frankfurt a. M., en „Bund der technisch - industriellen Beamten“; s-ro d-ro Hanauer – en „Unuiĝo de Germanaj Inĝenieroj“; s-ro Marz—en Wiesbaden. Legas esper. kursojn s-roj Lazica en Lemberg, Borel kaj Bruhl—en Berlino kaj en Hamburg-Antona, en fama Negociista Akademio dank' al energiema agado de d ro Mybs. Gaz. „Przemyslowiec“ ĉiutage enmetas artik. pri esperanto, kaj Berlina ĵurn. „Das Echo“ havas esper. fakon sub red. de s-ro Bruhl. Ankaŭ multaj aliaj gaz. „Die Weltwarte“ (Die Vorzüge der Esperantosprache), „Fkft. Warte“ favore recenzias pri esperanto, tiunombre kaj tre skeptikema „Münchener Neueste Nachrichten“. En Braunschweig aperis albumo de konataj esperantistoj, eld. de s-ro F. Schuck.

**Hindujo.** Laŭ ricevitaj sciigoj l-vo esperanto komencas disvastiĝi en insulo Cojlono.

**Hispanujo.** Fondiĝis esper. grupoj en Burgos kaj Guardia. En Torquemada, laŭ iniciato de s-ro M. Esteban, formiĝas esper. rondeto. Firmo Estradera kaj Verdes en urbo Coruna akceptas esper. korespondadon. Madrida ĵurnalo „El Electricista“ daŭras presadi sistemecan kurson de l-vo esperanto.

**Италія**. Г. L. Rossi произнесъ рѣчь объ эсперанто въ Народн. Университетѣ въ Parma. Ректоръ университета, г. Frassi, намѣревается ввести яз. эспер.

**Новая Зеландія**. Эспер. группа въ Christchurch (Box 597 P. O. Christchurch, Cedric F. White) въ настоящее время весьма озабочена широкою и прочною постановкою пропаганды яз. эсперанто въ виду открывающейся съ Ноября м-ца текущаго года международной въ Christchurch выставки, которая продлится до Апрѣля будущаго 1907 года.

**Перу**. Мѣстное эспер. о-во въ Лимѣ получило первую телеграмму на яз. эспер. изъ Tumbes Вышелъ № 9 мѣстн. пропаг. журн. „Antaŭen, Esperantistoj!"

**Россія** Отдѣленіе О-ва Эсперо въ Варшавѣ нынѣ выдѣлилось въ самостоятельное эспер. о-во. Вышла изъ печати „Ĉenero Esperantista" (1 serio), котор. можно получить въ О-ва „Espero" по 20 коп. за экземпляръ съ пересылкою. Слѣдуетъ отмѣтить, что эспер. движеніе въ Россіи въ настоящее время значительно сократилось. Всѣ мысли, всѣ надежди обращены на Государственную Думу. Всѣ ждутъ, всѣ надѣятся, что народные депутаты положатъ конецъ насилію и произволу ненавистнаго самодержавно-полицейскаго строя. Въ № 90 газ. „Симбирскія Вѣсти" помѣщена ст. А. Сахарова „Иго классицизма и эсперантизма" 25-го Марта с. г. семью Д-ра Л. Заменгофа постигла тяжелая утрата. Скончался отецъ супруги Д-ра Л. Заменгофа—С. Силберникъ. Покойный первый созналъ важность геніальнаго открытія своего зятя и первый пришелъ ему на помощь по изданію первой эспер. брошюр. Имя покойнаго—какъ перваго піонера эсперанто будетъ съ благодарностью отмѣчено въ исторіи развитія „Эсперанто". (Д-ръ Аснесъ).

**Соединеные Штаты**. Поразительный успѣхъ яз. эсперанто въ этомъ краѣ свидѣтельствуютъ слѣд. данныя: – эспер. клубы: Harward Esperanto Club; New York Esperanto Society: Philadephia Esperanto Club „Estonto"; Everett Esperanto Club; Portland Esperanto Society; Boston Esperanto Society; Esperanto Club de la Technology Club; Blindula Klubo en la Perkins Institution. Яз. эсперанто проникъ въ слѣд. гор.: Buffalo, Detroit, Saint

**Italujo**. S-ro L. Rossi diris paroladon pri esperanto en Popola Universitato en Parma. Rektoro de universitato s-ro Frassi intencas enkonduki l-von esperanton.

**Nova Zelando**. Esper. grupo en Christchurch (Box 597 P. O. Christchurch, Cedric F. White) nuntempe estas tre prizorgata larĝe kaj fortike aranĝi propagandadon de esperanto en sekvo de malfermiĝanta en Novembro monato de kuranta jaro en Christchurch internacia ekspozicio, daŭronta ĝis Aprilo de venonta 1907 jaro.

**Peruo**. La loka esper. s-to en Limo ricevis la unuan telegramon en esperanto el Tumbes. Aperis № 9 de loka propag. ĵurnalo „Antaŭen, Esperantistoj!"

**Rusujo.** La Varsovia filio de s-to „Espero" eliĝis nun en memstaran esper. societon. Aperis el presado „Ĉenero Esperantista" kaj estas nun aĉetebla en s-to „Espero", — prezo 50 centimoj por ĉiu ekzemplero kun transsendo. Oni devas noti, ke la esperantista movado en Rusujo sufiĉe multe malgrandiĝis en la nuna tempo. Ĉiuj pensoj, ĉiuj esperoj estas turnitaj al Regna Dumo. Ĉiuj atendas, ĉiuj esperas, ke la popolaj deputatoj metos la finon al perforto kaj arbitro de abomena aŭtokrate-polica reĝimo.—En № 90 de gaz. „Simbiraj Sciigoj" estis presita la artikolo de A Saĥarov— „Jugo de klasicismo kaj la esperantismo".

La 25-an Marton de tiu ci jaro trafis la familion de D-ro L. Zamenhof kruela perdo. Mortis la patro de edzino de D-ro Zamenhof, s-ro S. Silbernik. Mortinto, la unua konfesis la gravecon de geniala eltrovo de sia bofilo kaj la unua subtenis materiale la eldonon de unuaj esper. broŝuroj. La nomo de mortinto —kiel de unua pioniro de Esperanto,—estos notita kun dankemo en la historio de disvilviĝo de Esperanto. (D-ro Asnes).

**Unuigitaj Ŝtatoj.** Frapegantan sukceson de l-vo esperanto en tiu-ĉi lando atestas la sekvantaj citoj: – esper. kluboj: Harward Esperanto Club; New York Esperanto Society; Philadelphia Esperanto Club „Estonto"; Everett Esperanto Club; Portland Esperanto Society; Boston Esperanto Society; Esperanto Club de la Technology Club; Blindula Klubo en la Perkins Institution. L-vo esperanto eniĝis sekvantajn urbojn: Buffalo, Detroit, Saint

Paul, Quinci, Denver, Los Angeles, San Diego, Providence, Andover, Fall River, Lexington, Lornvell, Norfolk, Blackburg, Greenwood, Vorcester, Colombus и въ Cincinnati, гдѣ распространяется успѣшно. Въ высшихъ училищахъ: Mossachusetts Institute of Technology (Boston), Leland stanford University (Palo Alto), Virginia Politechnic Institute (Placksburg), Rutgers College (New Brunswick), Johns Hopkins University (Baltimore) весьма заинтересовались яз. эсперанто, а также библіотекарь War Departament въ Waskington и моряки броненосца „Olympia" въ Norfolk. Мѣстная пресса:—„Boston Evening Trascript", „Boston Sanday Globe", „New York Evening Telegram", „New York Tribune", „New York Nation", „Atlantic Monthly", „Nadies Home Journal" и мн. др. энергично поддерживаютъ разростающійся успѣхъ эсперанто.

**Трансвааль**. Въ Pretoria, по иниціативѣ г. H. Carter (Post Box 1248, Pretoria, Transvaal) формируется эспер. группа.

**Турція**. Грекъ T. Panayolides, учитель въ американской школѣ въ Talas (Caesarea) заинтересовался яз. эсперанто.

**Финляндія.** Въ Nurmijarvi, по иниціативѣ г. S. Luoma, основался эспер. клубъ. Энергично пропагандируютъ яз. эсперанто г. A. Harlin въ Nyslott, а также г.г. Stadius Runeberg, J. Wechsell, свящ. J. Saila и мн. др.

**Франція**. Основались новыя группы въ Sotteville и Hyeres. Лейтенантъ Bayol пропагандируетъ яз. эсперанто въ О-вѣ Красчаго Креста между офицерами и солдатами. нленъ Франц. Парламента L. Cornet, депутатъ изъ Yonne, сдѣлалъ оффиціальное представленіе, подписанное также членами Парламента г.г. P. Meunier, Bouchey-Allay, J. Breton, Camuzet, Roblin, Bouveri, Thivrier, A. Boyer и др. о повсемѣстномъ введеніи яз. эсперанто въ учебныя заведенія и о предоставленіи права учащимся изучать его взамѣнъ какого либо изъ живыхъ языковъ по свободному выбору. Вышелъ № 10 прекраснаго иллюстриров. эспер. журн. „Tra la Mondo". Въ виду забастовки рабочихъ № 8 журн. „Lingvo Internacia" появился съ запозданіемъ и безъ обычнаго литер. приложенія.

Paul, Quinci, Denver, Los Angeles, San Diego, Providence, Andover, Fall River, Lexington, Lornvell, Norfolk, Blackburg, Greenwood, Vorcester, Colombus kaj en Cincinnati, kie ĝi sukcese disvastiĝas. En superaj lernejoj: Mossachusetts Institute of Technology, (Boston), Leland Stanford University (Palo Alto), Virginia Politechnic Institute (Placksburg), Rutgers College (New Brunswick), Johns Hopkins University (Baltimore) tre ekinteresiĝis pri l-vo esperanto, kaj ankaŭ bibliotekisto de War Departament en Waskington kaj maristaro el batalŝipo „Olympia" en Norfolk. Loka gazetaro: „Boston Evening Transcript", „Boston Sanday Globe", „New York Evening Telegram", „New York Tribune", „New York Nation", „Atlantic Monthly", „Ladies Home Journal" kaj multaj aliaj energieme subtenas diskreskiĝantan sukceson de esperanto.

**Transvalo**. En urbo Pretoria, laŭ iniciato de s-ro H. Garter, (Post Box 1248, Pretoria, Transvaal) formiĝas esper. grupo.

**Turkujo**, Greko s-ro Panayolides, instruisto en amerikana lernejo en Talas (Caesarea), ekinteresiĝis pri l-vo esperanto.

**Finlando**. En Nurmijarvi laŭ iniciato de S. Luoma, fondiĝis esper. klubo. Energieme propagandas l-von esper. s-ro A. Harlin en Nyslott kaj arkaŭ s-roj Stadius, Runeberg, J. Wechsell, pastro J. Saila kaj multaj aliaj.

**Francujo**. Fondiĝis novaj grupoj en Sotteville kaj Hyeres. Leŭtenanto Bayol propagandas l-von esperanto en s to de Ruĝa Kruco inter oficiroj kaj soldatoj. Membro de Franca Parlamento L. Cornet, dupatato el Yonne, sendis oficialan petskribon, subskribitan ankaŭ de alia parlamentanaro, s-roj P. Meunier, Bouchey-Allay, J. Breton, Camuzet, Roblin, Bouveri, Thivrier, A. Boyer kaj aliaj pri ĉialoka enkonduko de l-vo esperanto en lernejon kaj pri allaso de rajto por lernantoj lerni ĝin anstataŭ ia-ajn el naturaj lingvoj laŭ libera elekto. Aperis № 10 de bonega ilustrita esper. ĵurn. „Tra la Mondo". En sekvo de laborista striko № 8 de ĵurn. „Lingvo Internacia" aperis kun malfruiĝo kaj sen kutima literatura aldono.

**Чили**. Читаются курсы яз. эсперанто г. A. Meltzer въ Santiago въ училищѣ Patrocinio de San Jose и г. Sepulveda-Cuadra — въ народной школѣ. Рѣчь объ эсперанто произнесена г. A. Meltzer въ Педагогическомъ О-вѣ.

**Швеція** Въ Oskarström основалась эспер. рабочая группа, а также пропагандныя въ Ronneby и въ Stelleryd. Газ. „Helsingborgs Dagblad" помѣстила замѣтку, что Лондонская Торговая Палата ввела яз. эсперанто въ программу экзаменовъ, наравнѣ съ франц. и нѣмецк. языками.

**Швейцарія**. Члены мѣстн. эспер. о-ва въ Цюрихѣ собираются по средамъ вечерами въ большой залѣ „Jura" (Limmatkai, 32). Успѣхъ эсперанто растетъ, газеты дѣятельно поддерживаютъ движеніе, о-ва работаютъ энергично. Газ. „Esperanto" передается нынѣ Акціонерному О-ву и, по техническимъ условіямъ, пріостановлена изданіемъ на короткое время.

**Японія**. Пробуждающійся все болѣе и болѣе интересъ къ яз. эсперанто находится въ тѣсной связи использовать этотъ яз. для соціалистическихъ цѣлей почему, главнымъ образомъ, яз. эсперанто и распространяется здѣсь среди студенческой молодежи.

**Е. Радванъ-Рыпинскій.**

**Cilio**. Legas esper. kursojn s-ro A. Meltzeren Santiago, en lernejo de Patrocinio de San Jose kaj s-ro Sepulveda-Cuadra — en popola lernejo. A. Meltzer diris paroladon pri esper. en Pedagogia S-to.

**Svedujo**. En Oskarström fondiĝis esper. laborista grupo, kaj ankau en Ronnebi kaj Stelleryd. Gaz. „Helsingborgs Dagblad" enmetis la noton, ke Londona Komerca Ĉambrego enkondukis l-von esper. en programon de ekzamenoj, egalrajte kun franca kaj germana lingvoj.

**Svisujo**. Membroj de loka esper. societo en Zurich kunvenas ĉiumerkrede en vesperoj en granda salono „Jura" (Limmatkai, 32). Sukceso de esperanto kreskas, gazetaro ageme subtenas la movadon, societoj laboras energie. Gaz „Esperanto" transiras nun al Akcia Societo kaj, laŭ teĥnikaj kondiĉoj, estas haltigita en eldonado por mallonga tempo.

**Japanujo**. Vekiganta ĉiam pli kaj pli intereso al l-vo esperanto sin trovas malvaste kunligita kun intenco aluzi tiun-ĉi l-von por socialistaj celoj, kial, cefparte, l-vo esperanto divastiĝas tie-ĉi inter studenta junularo.

**Radvan-Ripinski**.

---

# La korespondo el Parizo.

La 15/28 de aprilo en la salono de la Fotografia Societo okazis interesa literatur-arta vespero, organizita de la Esperantista Centra Oficejo. Antaŭ la enira pordo estis dispendigitaj lanternoj en formo de verdaj steloj. Esperantistoj kaj esperantigotoj, viroj kaj virinoj tute plenigis la salonon: la dezirintoj aŭdi la koncerton estis tiel multenombraj, ke, rifuzinte al multaj personoj biletojn pro manko de spaco, oni decidis ripeti la vesperon post tri semajnoj.

Diversnaciaj kaj Esperanta standardoj ornamis la murojn; ĉie en la publiko oni aŭdis la harmonian paroladon en Esperanto.

Kompreneble, por diversigi la programon kaj distri la publikon, precipe neesperantan, estis kelkaj numeroj de muziko kaj franca legado. La aŭskultantoj interesiĝis pri la lerta parolado de S-ro Cart pri „Esperanto ĉe la blinduloj", oni prezure aŭdis la belsonajn kantojn „Espero", „Ho mia kor' ", „Flugintaj revoj" (kantis S-roj Grosset, Coppet kaj Vast), ankaŭ la

versaĵon „En monto" de Sentis deklamitan de S-ro Coppet kaj amuzaĵon „La muŝoj" monologitan de S-ro Blangarin. Fine, oni ludis du komediojn. La unua („La Fluido de John") estis ludata en Esperanto kaj ankoraŭ unufoje pruvis la egalecon de Esperanta elparolado de malsamnacianoj, ĉar en ĝi partoprenis franco (S-ro Grosset), katalano (S-ro Pujula y Valles) kaj ruso (la aŭtoro de tiuj ĉi linioj). La dua („L'heritage de Klodarec"), ludita france, estas sprite verkita de la konata S-ro F. de Ménil kaj koncernas Esperanton, presinda amuza propagandilo de nia lingvo.

La plezurigita publiko ekdisiris post la noktomezo. Tiaj vesperoj estas ĉie kaj ĉiam imitindaj: ili kunvenigas kaj agemigas la „samideanojn", kaj pruvas la paroleblecon kaj belsonecon de Esperanto al la publiko, instigante lerni tiun vere vivan lingvon.

Parizo. **G. Kolowrat.**



# EL BOHEMUJO.

(De nia korespondanto).

**Esperantista klubo en Praha** havis trian ĝeneralan kunvenon 26 I 06 en kluba ĉambro en kafejo Tůmovka. Raportoj de prezidanto s. V. Kraus kaj de sekretario s. E. Kühnl estis tre interesaj montrante kiel grandan antaŭen paŝon faris nia ideo dum jaro 1905. Sed pri la plej ĉefaj sukcesoj de propagando oni jam raportis en gazetoj internaciaj, do estus senbezone detale ripeti ilin. El aliaj raportoj estas rimarkinde, ke bibleoteko de klubo enhavas jam 200 librojn, kaj ke klubo abonas 20 gazetojn esp., kiujn povas membroj legi en ĉiusemajnaj membraj kunvenoj. Arhivo de klubo enhavanta ĉion, kio koncernas boheman movadon, fondita de s. L. Nekola estas nun bone verkata de s. V. Novàk kaj de s. O. Davídek, kiuj havas kun ĝi ne malgrandan laboron, ĉar bohemaj gazetoj nun ofte presas pri nia afero diversajn artikolojn, kiuj estas konservindaj. Je fino de kunveno estis elektita nova komitato por jaro 1906 jene: Vojt. Kraus, prezidanto—Frant Kühnl, anstataŭ prez,— Stan Kamaryt, sekretario, — Jos. Hradil, kasisto—Stan Balik, bibliotekisto, — V. Riegl, skribanto de protokoloj,—Matylda Krausová, revuistino, - Ed. Kühnl. Anstataŭigantoj: s-roj V. Novák, O. Davídek, J. Barvír kaj f-ino A. Bernardova. S-ro prezidanto tre sincere dankis s-ron E. Kühnl por la laboro, kiun li oferis por la klubo kaj tre bedaŭris, ke s. Ed. Kühnl pro troa okupiĝo persona rifuzis akcipti reelekton je sekretario por jaro 1906.

En R. E. ankoraŭ neestis sciigo pri publika kurso malfermita de klubo en Praha 13 I 06 en publika lernejo kun permeso de urbestraro. Gia komenco estis anoncita per verdaj afiŝoj kaj per ĉiutagaj ĵurnaloj. Komence oni faris du kursojn de 6—7 h. kaj de 7—8 h. vespere ambaŭ por komencantoj. Vizitis ilin 120 personoj. La 28-IV 06 oni ankaŭ kun granda sukceso malfermis novan kurson por komencantoj, kiu estas farata ĉiam de 6—7 h. kaj de 7—8 daŭras la kurso por pli instruitaj. Kursojn malfermis s. Balík, daŭrigas ilin s. Kühnl kaj s. Kumaryt. La nombro de vizitantoj pruvas plej bone la bezonon de kurso. Krom tio estis je fino de jaro 1905 farataj en Praha kursoj en Virina klubo, en instituto por blinduloj, kurso por studentoj en Zizkov, kaj kurso en Virina grupo de klubo en „Náprstkovo museum". Samtempe kun publika kurso de klubo komencis ankaŭ kurso por studenta rondeto en Smíchov (antaŭurbo de Praha) kondukata de s. K. H. Bouška, ankaŭ tre multenombre vizitata.

**Novaj grupoj** de Esperantista klubo en Praha estis fonditaj en Prosek kaj en C. Badejovice. La Proseka grupo havis ĝeneralan fondantan kunvenon 1 IV 06. Jen nomaro de elektita komitato: S-roj Jiroutek, prezidanto,—Krejĉí, anstataŭprez.,—Cánsky, sekretario,—Erban, kasisto,—Mülier, bibliotekisto.

En C. Budejovice, unu el plej grandaj urboj bohemaj, estis fondanta kunveno 9-IV kaj estis elektitaj s-roj: Svaĉina, prezidanto—Houska, anstaŭ prez,—Stejskal, sekretario—Fenzl, bibliotekisto — Popela, kasisto. Estas rimarkinde, ke grupoj de Esper. klubo en Praha estas tute memstaraj nenion al klubo pagante, nenion de ĝi krom morala helpo ricevante. Nur nevideblaj simpatioj kunligas ilin kun klubo ĉefurba, kaj estas dirinde, ke tiu sistemo ŝajnas bonega, kiel estas videble el akiritaj rezultatoj.

**Bohema literaturo pri E.** estis pliriĉigita per eldono de novaj lernolibroj de s. Gejka, kiu je fino de j. 1905 eldonis malgrandan propagandan lernolibreton laŭ franca verketo „Premier Manuel de la Langue Auxiliaire E.", kiu ĝis hodiaŭ eliris jam en 4 eldonoj. Krom tio estis 14 IV 06 de li eldonito tre detala lernolibro kaj ŝajnas, ke ankaŭ ĝi havos grandan sukceson ĉe publiko.

Unu el plej grandaj sukcesoj de klubo estas invito de kluboj reprezentantoj en komitaton de bohema sekcio en Aŭstria ekspozicio en London; la invito okazis kaŭze oferema agado de s. prezidanto V. Kraus. Al klubo tre helpis ĉiuj tiuj samideanoj, kiuj represigis en ĵurnaloj kaj gazetoj al ili senditan sciigon pri ekzpozicio. La klubo tre sincere dankas ĉiujn helpintojn, kaj denove petas, ke ĉiuj, kiuj povas, represu en naciaj ĵurnaloj sciigon pri ekspozicio laŭ esp. gazetoj tradukinte ĝin en nacian lingvon; sed estas necese sendi du ekzemplerojn de ĵurnalo kun la artikolo, por ke la klubo havu montreblan al publiko dokumenton pri sukceso de sia agado.

---

## Ĉiama Esperanta Ekspozicio ĉe Litovuja ĉefurbo Vilno.

**„Al S-ro V—M Tabenski en bieno Esperanto per Ejszyski Vilna gub.**

Varsovio 21/III 06

**«Kara Sinjoro!**

**„Kun plezuro mi legis Vian leteron. Al la Vilna grupo Esperantista mi sendas mian koran saluton kaj deziron de la plej bonaj sukcesoj. Kvankam nun tempo estas tre malfavora por nia agado en nia lando, mi tamen estas konvinkita ke post kelka tempo Via societo ludos grandegan rolon en nia afero, car eble nenia lando tiel forte bezonas intergentan fratecon kiel Litovujo. Al via entreprenata Ekspozicio mi deziras la plej bonan sukceson".**

Via L. Zamenhof.

La supra letero de nia glora majstro montras nepran bezonon de la lingvo neŭtrala por Litovujo, kaj ĉi tiu lando kie senĉese bataladas inter si: Poloj, Rusoj, Litovoj, Blankrusoj k. a. estas la lulilo de l'Esperantismo— ĉar tie ĉi naskiĝis ĝia genia kreinto, ĉi tie travivis sian junecon kaj malkonsenteco de liaj samlandanoj inspiris al la ideala Homo la altegan ideon elpensi la lingvon kiu sen ofendo, de iu ajn nacieco kunligus ĉiujn „en unu rondo familia".

Nun kiam la Zamenhofa mirinda kreitaĵo posedas multege da admirantoj en ĉiuj landoj de l'tuta mondo, en lia patrujo bedaŭrinde pro kaŭzo de malpermeso de l' kunsocietiĝoj ĝi estas malmulte konata. Sed kune kun ekbriliĝo de radieto de l'libereco komencas vivadi ĉi tie la nia lingvo Esperanto kaj baldaŭ venos la tempo-kiam ĝi estos enkondukita ne nur kiel lingvo universala por ĉiuj internaciaj rilatoj, sed ankaŭ nepre ĝi fariĝos lingvo regna. Kiam malaperigos la nigraj nuboj, kovrigantaj la ĉielon de l'ĉi tiu malfeliĉa lando, tiam lumos nia brila stelo, alportante: la pacon. unuecon, fratecon kaj konsentecon. Por ke pli rapidigi la benatan momenton, ni devas ekutiligi nunan kvankam teruregan, sed tamen tre gravegan tempon. Kiam ĉi tie ĉio vekiĝas al vivo, ankaŭ karega gefratarc Esperantista el la tuta mondo kunligiĝu sub devizo „La tuta mondo estas nia patrujo" kaj inde prezentu nian altegan ideon. Ni montros videble al skeptikuloj, kiuj nin nomas la utopistoj, ke Esperantismo jam disvastiĝis sur la tuta tera globo—per la miloj da leteroj, ilustritoj poŝtkartoj, portretoj de gesamideanoj el ĉiuj landoj k. t. p.; ĝian seriozecon—per granda nombro de l'Esperantistaj societoj, grupoj, profesoroj kaj per nomaroj de iliaj societanoj, lernantoj k. t. p., ĝian riĉecon—per Esperanta literaturo; ĝian utilegecon al industrio, komerco—per diversaj objektoj reklamigitaj per Esperanto k. t. p.

Do la juna „Vilna Grupo Esperantista" bedaŭrinde ankoraŭ sola en vasta Litovujo koregе petas ĉiujn karajn Gesamideanojn de l'tuta mondo—ke oni helpu al ni efektivigi nian malfacilan entreprenon aranĝi la ĉiaman Esp. Ekspozicion en urbo Vilno, per sendo laŭ la adreso: S-ro Tabenski. Esperanto, per Ejŝiŝki, Vilna gub. Rusujo de diverspecaj korespondaĵoj, gazetoj, libroj en Esp. aŭ pri Esperanto, nomaroj de la societoj kaj lernantoj de Esperantistoj, cirkuleroj, statutoj portretaj k. t. p. specimenoj de idustriaj produktaĵoj kun cirkuleroj, tarifoj (la grupo povas fariĝi de ilia reprezentanto). Multe da aliaj objektoj povantaj akceligi la sukceson de l'Ekspozicio.

La dokumentoj aŭ objektoj afable dediĉitaj al V. E. E. restos ĉiam konservitaj—ĉar la Ekspozicio restos ĉiama. La objektoj donitaj por vendo estos vendataj. La dokumentoj pruntitaj estos resenditaj.

Ni forte fidas ke nia voko atingos Vin, karegaj Gesamideanoj—kaj ĉiu laŭ sia povebleco certe helpos al ni.

**Vl. Tabenski.**

prezidanto de la Vilna grupo Esperantista.

---

# Bibliografio.

La libroj singnitaj per steleto estas aĉeteblaj en S-to „Espero"

* **Ĉenero Esperantista.** I serio. Sub direktado de s-ro Radvan-Ripinski. La prezo— 20 kop. (50 cent.) kun transsendo. La eksterlandaj poŝtmarkoj estas akceptataj laŭ ilia nominala valoro.

„En unueco estas forto, en organizacio—venko" jen estas la devizo kiu trairas tra la tuta agado de S-to „Espero". La rusaj esperantistoj, izolitaj unu de alia, malgraŭ iliaj deziroj, penoj ne povas sukcese disvastigadi nian ideon en Rusujo, ĉar unu ne konas la alian, ne scias eĉ, ke en tiu sama urbo loĝas iliaj kunbatalantoj. Tial la S-to „Espero", plenumante ĝian devon, eldonis la „Ĉenero esperantista", kie ĉiu esperantisto trovos la p r e c i z a n a d r e s o n de niaj samideanoj. Ni esprimas la esperon, ke niaj kunbatalantoj taksos la malfacilan laboron de nia energiema kunlaboranto—s-ro Radvan-Ripinski kaj ne rifuzos subteni tiun ĉi eldonon.

* **Internacia Korespondado Esperanto.** Kolekto da adresoj, proponoj kaj petoj. Prezo 1-fr 25 sen transsendo. Eldono de Franca S-to por la propagando de Esperanto.—Tiu ĉi broŝuro havus grandan sukceson kaj gravan signifon, se la adresoj kaj la aliaj sciigoj estus plej zorgeme trarigarditaj. En la rubriko de Rusujo, multaj filioj de S-to „Espero“ estas eraraj. Krom tio en la gazetaro ne estis montritaj la novaj ĵurnaloj, kiel ekzemple „Tra la Mondo“, „Unua Paŝo“.

———

* **Albumo de konataj Esperantistoj. Eldono de s-ro Fritz Schuck. Prezo M. 1,80 sen transsendo.**

La belega eldono de tiu ĉi albumo faras la honoron al s-ro Schuck, kiu enmetis multe da laboro kaj energio por plenumi tian komplikan entreprenon. En la komenco de albumo estas skribita mallonga historio de disvolviĝo de lingvo „Espevanto“ entute kaj en ĉiu lando aparte. Ni neniam dubas, ke s-ro Schuck ne prokrastos eliriĝi la novan albumon, ĉar multaj konataj esperantistoj mankas en la 1-a serio. Ni varmege kaj persiste rekomendas al niaj samideanoj akiri tiun-ĉi luksan eldonon, kies prezo estas mirinde malkara.

———

**Anatomia Vortaro** kvarlingva: latina, franca, angla, esperanta, verkita de la medicina esperantista grupo, prezidata de Ch. Bouchard.

Tiu ĉi speciala verko prezentas ŝatindan alporton en la sciencan esperantan literaturon. La nomoj de kunlabarantoj garantias la valoron de tiu ĉi vortaro. Tamen ni, kiel ĉiamaj kontraŭuloj de ĉiuspeca „plibonigo“ de lingvo Esper., ne povas ne substreki la uzadon de la nova, tute ne konata „finigo ojd“ tiom plu, ke ĝi laŭ nia opinio estas tute superflua, ĉar ekzemple la vorto „vermojda“ estas tradukebla vormoforma, kio estus plej proksime al la latina lingvo, – vermiformis.

———

**Th. Cart et M-me Servin.** Commentaire et Questionnaire. Prezo 0,25 fr. Eldono de Presa Esper. S-to.

Malgranda broŝureto, france skribita, povas servi kiel bona helpilo por ellerni Esperanto al tiuj, kiuj bone posedas la francan lingvon.

**Le francais enseigné par l'image.** Eld. de S-to Pres. Esper. Prezo 0,25 fr.

Tiu ĉi broŝureto prezentas la francan tradukon de „Esperanto per bildaro“.

———

**Kio povas okazi se oni donocas surprize.** Fritz Reuter. Trad. el la subgermana dialekto de E. Ĉefeĉ.

La enhavo de tiu ĉi libreto estas ekstreme naiva kaj malcerte povas kontentigi la rusan leganton. Ni tamen devas montri, ke S-ro Ĉefeĉ tradukis ĝin por pruvi la facilecon de kompreno de Esperanto por ĉiu, kiu eĉ nenian fremdan lingvon posedas, uzante nur la miniaturajn ŝlosilojn, eldonitajn de konata angla propagandisto S-ro Ĉefeĉ en diversaj lingvoj. Tion ĉi li sendube atingis.

———

**Detala Raporto pri la oficialaj paroladoj, diskutadoj kaj decidoj de la 1-a Universala Kongreso de Esp. en Bulonjo-sur-Maro. Verk. de Fr. Schneeberger.**

Ni jam ne parolos pri tio, kian grandegan plezuron faras tiu ĉi libro por ĉeestintaj kongresanoj, sed ni notas ke ĉiu esperantisto, konfesanta la tutan gravecon de Bulona kongreso, nepre aĉetos ĝin por agrabla rememoro. Ĉiuj protokoloj kaj diskutoj estis stenografiitaj de S-ro Pastro Fr. Schneeberger, aŭtoro de la lernolibro de Esperanta stenografio.

———

* **Georgo Norman. Poŝlibro internacia por aferistoj, turistoj k. c.** Eld. de Hachette kaj C°. Prezo. 2 Fr.

Tiu ĉi broŝuro elegante eldonita de Firmo Hachette prezentas por esperantistaro grandan utilon, ĉar ĝi enhavas la Gregorian kaj Julian kalendaron, alfareblan al ĉiuj jaroj el la Kristiana tempkalkulo. Krom tio, estas enmetitaj tre zorgeme prilaboritaj tabeloj de mono, peso mezuroj k. t. s. Nur la titola vorto *aferistoj* laŭ nia opinio ne estas prospera, ĉar en rusa lingvo ĝi karakterizas la homon kun dubebla profesio.

———

**Mallumaĵoj, rakonto el la lingvo Hungara.** Trad. de S-ro Lengyel Pal. Prezo 0,60 fr. Eld. de Presa Esper. S-to.

La akiro de tiu ĉi libro, bone en Esperanto skribita, estas rekomendinda, ĉar kaj ĝia enhavo estas interesa.

*** Les Mots Esperanto groupés selon le sens**. Marcel Robin. Prezo 1 fr. 25. Eld. de Presa Esp. S-to.

Tiu ĉi libro prezentas la kolekton de vortoj, grupigitaj laŭ ilia signifo kaj povas servi kiel bona helpilo por lerte paroladi Esperant.

---

**Kvarvoĉaj Kantoj por Esperantistoj**. Prezo. 0,60 fr. Eld. de Brita Esper. Asocio.

La 1-a serio de musika kolekto enhavas la sekvantajn kantojn: 1) Anĝelo. 2) Kanto de l'Ligo. 3) La Malliberulo. 4) Al la reĝo. 5) Sonoriloj de vespero. 6) La Espero.

---

**„Tra la Mondo"**. Tutmonda ilustrata revuo esperantista. № 10 de tiu ĉi ĵurnalo enhavas tre interesajn artikolojn kaj bonajn fotografaĵojn. Ni altiras la atenton de niaj samideanoj je du originalaj verkoj sub titolo: „La Ĵiu-Ĵitzu" (Japana bokso) kaj „La Torento el Ŝaŭmo" de Daniel Lesueur.

**A. Sensajev.**

---

Frankfurto la 10-an de Majo 1906.

„La 8-an de Majo fondiĝis en Frankfurt a M. „Progreso".

Internacia Komercista Esperantista Societo. Per fondo de filioj en ĉiuj urboj de la tuta mondo, la nova societo celadas propagandi Esperanton speciale en la komercistaro. La estraro konsistas el Carl Feyerabend (prezidanto), Stefan Wolf (kasisto); plue estis elektitaj en la estraron: Carl Barthel, Max Eisenkrämer, H. Docters, Heinrich Haas, Adolf Hirsch, Ludwig Katz, Carl Kirchhoff, Carl Küchler, Max Ruhstadt. Kotizajo por firmoj almenaŭ M. 10, por komercaj oficistoj M. 1. — Jare. Filio povas esti fondata, se almenaŭ 20 membroj de la societo loĝas en unu urbo. La filioj estas rajtigitaj reteni 50% de la kotizaĵoj. La resto estas sendota al la centrejo Frankfurt a M., por kovri la kostojn de la societa gazeto „Internacia Komerca Revuo" kaj por la ĝenerala propagando de la tuta societo.

Konsiderante la gravecon de tiu ĉi entrepreno' ĉiuj komercistoj de la tuta mondo estas petataj tuj aliĝi al la societo. Detala Regularo senpage. Adreso: „Progreso" Internacia Komercista Esperanta Societo, Frankfurt a. M., Neue Mainzerstrasse 59, monsendaĵoj al la kasisto, S-ro Stefan Wolf, Frankfurt a. M., I. H. Darmstädter Bank. „Komercistoj de la tuta mondo, organizu vin, por enkonduki Esperanton kiel komerca lingvo!!!"

„Progreso" Internacia Komercista Esperanta Societo

Carl Feyerabend. prez. Carl Barthel. Sekr.

---

# Dua Kongreso universala
## en ĜENEVO

(de la 28-a de Aŭgusto ĝis la 6-a de Septembro, 1906).

Sub la prezido de D-ro Zamenhof.

— Dua cirkulero de la Loka Organiza Komitato —

PROGRAMO: 28, 29, 31 aŭg., 1 sept. en Ĝenevo: ceremonioj kaj kunvenoj de la kongreso; 30 aŭg.: ŝipveturado sur la Lemana lago kaj tagmanĝo en Vevey; 3, 4, 5 sept.: vojaĝo tra Svisujo.

ALIĜOJ: Oficiala kongreskarto (verda karto: 10 fr.). Ĉiu, kiu aĉetos tiun karton, havos rajton ĉeesti je ĉiuj ajn kunvenoj de la kongreso, ricevi ĉiujn dokumentojn necesajn

por la laborkunvenoj, kaj ankaŭ aĉeti 1, 2, 3 aŭ 4 Familĭanaj Kartoj (blanka karto: 5 fr.) por anoj de sia familio.

---

ALVOKO: La Komitato petas, ke oni bonvolu mendi, kunsendante la monon, la kartojn kiel eble plej baldaŭ, por ke oni povu kalkuli la nombron de la kongresanoj.

---

LOĜADO: La Kongresanoj, kiuj volas esti certaj pri konvena loĝado devas de nun lui ĉambron. La Komitato zorgos pri tio kaj havigos loĝejon al la kongresanoj, kiuj sciigos la datojn de sia alveno kaj foriro, kaj sendos al ni almenaŭ tri frankojn por ĉiu nokto. Specialajn dezirojn oni penos plenumi.—Tiuj kiuj pagos 4 fr. havos kompreneble proporcian ĉambron. Tiuj, kiuj pagos 5, 6, fr. aŭ pli havos proporcian ĉambron en hotelo.—La Grupoj aŭ Lernantaroj kiuj dezirus loĝi en komunaj dormejoj (kompreneble je tre malkara prezo) devas sendi oficialan demandon leteron kun precizaj detaloj al la Loka Komitato, kiu donos al ili ĉiujn necesajn sciigojn.

MANĜADO: Por certigi la Kongresanojn pri preciza kosto de manĝoj, la Komitato publikigos nomaron de ĝenevaj restoracioj kiuj promesis doni tagmanĝon (kun trinkaĵo) po 2 frankoj, kaj vespermanĝon (kun trinkaĵo) po 3 frankoj. — Krom tio, la Komitato sciigas, ke en Ĉenevo ekzistas grandaj Popolaj Restoracioj, kie oni povas havi simplan, sed bonan manĝon por Fr. 0,60.

TEATRA VESPERO, (29 aŭg.) Ĉiuj grupoj aŭ izolaj esperantistoj kiuj intencus ion kanti, deklami aŭ ludi, bonvolu de nun sin enskribiĝi kaj sendi al ni la tekston de la verkoj, kiujn ili intencus prezenti.

BALO, (31 aŭg.). La komitato petas ke multaj Kongresanoj alportu naciaan kostumojn por tiu balo.

KONGRESAJ MARKOJ: Oni de nun povas aĉeti, por glui sur leteroj aŭ poŝtkartoj, la oficialan markon de la Kongreso kun arta ilustraĵo. Prezo: 100 markoj fr. 1,50; 500 markoj fr. 5.

GAZETOJ: Ĉiuj gazetoj estas petataj sendi duoblan ekzempleron al la Kongresa Oficejo.

---

Aliĝojn, Monon, Korespondaĵojn, ktp. Unuvorte ĉion, kio Koncernas la Kongreson, oni sendu al: Kongresa Oficejo 15, Quai de l'Ile Genève, (Suisse).

En Ĝenevo, la 16-an de Majo 1906.

Je la nomo de la LOKA ORGANIZA KOMITATO

La Ĝenerala Sekretario, **Edmond Privat**. La Sekretario komisiita al la Gazetaro. **H. Hodler**.

# Registro de artikoloj (en esperanto) esplorantaj nomitan lingvon internacian kaj manierojn de ĝia propagando.

„Adresi"
„Advokato" } B-c, L. I. 1904, № 6.
Akademio de la lingvo neŭtrala,—I. Seleznjov, L. I. 1902, №№ 6—7, 8.
Akcento tonika,—L. B., L'Esper. 1904, № 9.
Akcia Societo Esperantista,—L. I. 1904, № 7.
„Akuri", B-c, L. I. 1904, № 6.
Akuzativo aŭ prepozicio,—Grenoblano, L. I. 1903, № 5.
Al amikoj esperantistoj, - K. Ostaneviĉ, ald. al L. I. 1898, № 36.

(Daŭrigo venos). **Radvan-Ripinski**

E N H A V O: Ruĝa-Rido de L. Andrejev (daŭrigo). — Pri la homaranismo. Respondo al P-ro Dombrovski.—Rido. de L. Andrejev, trad. de Vs. Lojko. — Esperantista Movado. — La korespondo el Parizo de G. Kolowrat.—El Bohemujo-Ĉiama Esperanta Ekspozicio ĉe Litovuja ĉefurbo Vilno. Koresp. de Vl. Tabenski.—Bibliografio.—Sciigo pri fondo de internacia komercista S-to „Progreso".—Dua kongreso Universala en Ĝenevo.—Registro de artikoloj esplorantaj nomitan lingvon internacian kaj manieron de ĝia propagando de Radvan-Ripinski. — Anoncoj.

Тип.-лит. Д. П. Вейсбрута, Троицкій просп. 14.